3a Jaro N° 33a

# Internacia Scienca Revuo

MONATA ORGANO ORGANE MENSUEL

*Manuskriptoj, gazetoj, libroj kaj interŝanĝoj devas esti sendataj rekte al S-ro Fruictier, 27, Boulevard Arago, Paris.*

ENHAVO



## LIBRETO PRI TRANSMORTA VIVO

(*Daŭrigo kaj fino*).

Animon de homo posedas sendiference homo mem kaj samtempe supre nomitaj pli altaj spiritoj kaj ĉio, kio fariĝas en animo, apartenas ĉiam al ambaŭ, sed nur en diversa maniero.

En tiu [1] figuro, kiun oni devas rigardi ne kiel portreton sed nur kiel simbolon aŭ similetaĵon, diverskolora (en figuro nigra) sesradia stelo kuŝanta en mezo povas esti rigardata kiel io memstara portanta en si sian internan unuecon, ĉar ĉiuj radioj de stelo dependas de centro kaj estas kunligitaj per ĝi en unu. Malgraŭ tio ĉi tiun saman stelon oni povas rigardi kiel produktaĵon de ses unukoloraj rondoj, el kiuj ĉiu havas en si internan unuecon; ĉiu radio de stelo apartenas al stelo mem kaj samtempe ankaŭ al rondoj, per kies reciproka partiganta enkuŝado la radio naskiĝas. Animo de homo similetas al tiu ĉi stelo.

Homo ofte ne scias, de kie venas en lin pensoj, io kvazaŭ enfalas en lian kapon; lin penetras sopiro, timo aŭ ĝojo, pri kies kaŭzo li povas diri nenion; lin pelas ia forto agi aŭ ia kvazaŭ voĉo konsilas ne agi, sed homo konscias igon aŭ kaŭzon de tio ĉi nek en si nek en enteraĵo. Tion ĉi faras spiritoj, kiuj enpensas en homon kaj enagas en lin de centro fremda por li. Ankoraŭ pli forte senteblaj ol ordinare en ni fariĝas tiuj ĉi efikoj de spiritoj, kiam en eksterordinaraj fartoj (ekzemple en farto de hipnozo aŭ de anima malsano) dependeco inter ni kaj ili, kiu ordinare estas proksime egalaj ambaŭflanke fariĝas pli favora por ili ol por ni tiel, ke ni preskaŭ sen kontraŭago de nia flanko prenas en nin tion, kio fluas de ili al ni.

1. Vidu la sekvantan paĝon.

Sed kiam homa animo estas vigla kaj sana, li ne estas senvola pilko aŭ produkto de tiuj spiritoj, kiuj enkreskas en lin aŭ el kiuj li kvazaŭ konsistas. Kontraŭe tio, kio unuigas tiujn spiritojn, nome nevidata centro, kio estos plena de fortega vivpotenco kaj aktivopotenco kaj en kiun ĉiuj spiritoj kunfluas, en kiu ili plektiĝas kaj per sia reciproka kaŭzefiko naskas pensojn, tiu ĉi centro ekzistiĝis ne per interplektiĝo de spiritoj, sed per naskiĝo de homo kaj apartenas al li kiel la nedisigebla kaj neforprenebela propraĵo. En tiu ĉi centro estos kvazaŭ enŝlositaj libera volo, memdifino, memkonscio, prudento kaj fondo de ĉiuj animaj kapablecoj kaj potencoj. Sed ĉio tio ĉi kuŝas en homo ĉe




lia naskiĝo kiel en fermita ĝermo atendanta estontan disvolviĝon en membraron plenan de vivpotenca individua efektiveco. Kiam homo eniris en vivon, fremdaj spiritoj tuj sentas tion ĉi kaj amasiĝas ĉiuflanke al li kaj penas akiri lian forton por pligrandigi per ĝi unu sian propran parton. Sed kiam tio ĉi prosperis al spiritoj, tiam tiu ĉi parto fariĝas ankaŭ propraĵo de homa animo kaj helpas lin disvolviĝi.

Fremdaj spiritoj enkreskintaj en homon estos submetataj sub influo de homa volo simile — kvankam en alia maniero — kiel homo dependadas de fremdaj spiritoj; li povas el centro de sia anima ekzistado naski ion novan en spiritojn kunligitajn en li tiel same kiel ili povas tion ĉi fari en lia plej interna animo. Sed en harmonie konstruita vivo de animo nenia volo absolute potencas super alia volo. Ĉar ĉiu fremda spirito havas komuna kun iu aparta homo nur unu parton de si mem kaj ĉiujn ceterajn partojn ekster homo, volo de aparta homo povas havi nur igetantan sed ne plene difinantan influon. Tiel same ĉar ĉiu homa animo enhavas en si aron da tre diversaj fremdaj spiritoj, volo de ĉiu aparta spirito povas havi en tuta homo nur konsilantan sed ne ordonantan influon. Nur tiam homo perdas sian kapablon kontraŭstari al fremdaj spiritoj, kiam li kun libera elekto fordonas sian tutan mem al nur kelkaj de ili.

Ne ĉiuj spiritoj sendiference povas unuiĝi en ĉiu animo; tial bonaj spiritoj militas kontraŭ malbonaj, veron amantaj kontraŭ mensogon amantaj spiritoj pri posedo de homa animo kaj la venkintaj akiras lin. Interna malkonsento kun si mem, kiun homo ofte sentus en si, estas kaŭzata per milito de fremdaj spiritoj, kiuj penadas akiri por si lian volon, lian prudenton, mallonge, lian plej internan ekzistaĵon. Homo sentas pacan konsenton de spiritoj loĝantaj en li kiel trankvilecon, klarecon, harmoniecon kaj certecon, sed li sentas ilian militon en si kiel maltrankvilecon, dubon, maldecidecon, malklarecon kaj disiĝon de sia internaĵo. Sed en tiu ĉi milito pli fortaj spiritoj ekposedas lin ne kiel facile atingitan premion aŭ kiel senkontraŭstarantan akiron; kontraŭe homo kun forto de libera potenco en centro de sia ekzistaĵo staras inter reciproke kontraŭbatalantaj fortoj penantaj tiri lin al si kaj ankaŭ batalas laŭ libera decido kune kun iu ajn batalanto kaj povas venkigi eĉ pli malfortan per tio, ke homo aldonas al lia forto sian propran forton kontraŭ pli forta batalanto. Tiamaniere memeco de homo restas ekster danĝero meze en tiu ĉi batalado de spiritoj, se li nur konservas ennaskitan liberecon de sia forto kaj ne laciĝas uzi ĝin. Tamen homo ofte enposedas malbonajn spiritojn; kaŭzo de tio ĉi estas tio, ke homo povas disvolvi fortojn el sia internaĵo nur malfacile kaj streĉe kaj ke ofte sufiĉas esti maldiligenta kaj malatentema por fariĝi malbona. Ju pli bona estas jam homo, des pli facile li povas fariĝi ankoraŭ pli bona kaj ju pli malbona li estas, des pli facile li fariĝas tute malbona. Ĉar bona homo jam havas en si multajn bonajn spiritojn, kiuj helpas al li batali kontraŭ

malbonaj spiritoj restintaj ankoraŭ en li aŭ penantaj ekposedi lin denove kaj kiuj tiamaniere ŝparas al homo disvolvi forton el internaĵo. Bonan homon faras bonon senstreĉe, ĉar liaj spiritoj faras tion ĉi anstataŭ li. Sed malbona homo por fari ion bonan devas antaŭe senfortigi kaj venki per sia interna forto ĉiujn malbonajn spiritojn, kiuj batalas tiam kontraŭ li.

Krom tio ĉiu objekto serĉas objekton parencan kaj unuiĝas kun ĝi, sed forkuras de sia malo ne povinte venki ĝin. Bonaj spiritoj en ni loĝas bonajn spiritojn ekster ni kaj malbonaj spiritoj en ni loĝas malbonaĵon ekster ni. Puraj spiritoj volonte preferas puran animon kiel loĝejon kaj per malbonaĵo en ni kaptas nin malbonaĵo ekster ni. Kiam bonaj spiritoj ekhavis en nia animo plejan potencon, tiam forkuras el ni ankaŭ lasta diablo, kiu ankoraŭ restis en ni; ĉar diablo fartas malagralbe en bona societo; tiamaniere animo de bona homo fariĝas pura ĉiela loĝejo por feliĉaj spiritoj kunloĝantaj tie ĉi. Sed ankaŭ bonaj spiritoj, kiam ili estos malesperintaj ekposedi lin en batalo kontraŭ malbonaj spiritoj fariĝintaj tro potencaj tie ĉi; tiamaniere animo fine fariĝas infero, t. e. loko, kie loĝas turmentataj kondamnitaj spiritoj. Ĉar turmentego de konscienco kaj interna detruo kaj maltrankvileco en animo de malbona homo estas doloroj, kiujn sentos ne nur homo, sed ankaŭ kondamnitaj en li spiritoj eĉ pli akre kaj pli maldolĉe ol homo.

## ĈAPITRO KVARA.

Ĉiu el pli altaj spiritoj loĝas ne nur en unu sola homo, sed li kreskigas siajn branĉojn en multajn homojn; per tio ĉi pli altaj spiritoj unuigas anime homojn en unu formo de kredo aŭ de unu verajo aŭ de unu morala aŭ politika celo. Ciuj homoj konsistantaj iun animan societon apartenas kiel membroj al korpo de unu spirito kaj obeas al ideo enirinta de li en ilin. Ofte vivas ideo en ĉiu ano de tuta nacio, ofte multego da homoj samtempe revas pri tiu sama agado; tion ĉi kaŭzas potenca animo, kiu ekposedis ĉ[illegible] kaj epidemie enradias en ilin. Kompreneble ne nur spiritoj de mortintoj unuigas homojn, sed ankaŭ sennumereblaj novenaskitaj ideoj efikas el vivantoj en vivantojn; sed ĉiuj tiuj ideoj, kiuj iras el vivanto en mondon, estas do jam membroj de lia estonta spirita membraro.

Kiam du similaj spiritoj reciproke renkontas en homaro kaj kunkreskas per siaj komunaj ecoj, sed per siaj diversaj ecoj intere difinas kaj pliriĉigas unu alian, tiam samtempe societoj, generacioj kaj nacioj, en kiuj ili loĝadis ĝistiamapartigite, konsistigas spiritan komunaĵon kaj reciproke pliriĉigas unu alian per sia spirita akiritaĵo. Tiamaniere disvolviĝo en homaro de spiritoj starantaj sur tria vivŝtupo kaj disvolviĝo kaj progreso de homaro mem nedisigeble dependas unu de alia, reciproke helpas kaj fondas unu alian. Iompostioma naskiĝo kaj formiĝo de regno, de sciencoj, de artoj kaj entute de

komuniĝo inter homoj kaj enordigo de tiuj ĉi vivsferoj en unu tutaĵon kun harmoniaj membroj, ĉio tio ĉi estas kaŭzata de sennumereblaj spiritaj individuoj, kiuj vivas kaj agadas en homaro kaj kiuj kunkreskintaj konsistigas pli grandajn spiritajn membrarojn.

Cu oni povas pli facile klarigi kaj kompreni la fakton, ke supre nomitaj eminentaj majestaj vivsferoj naskiĝas kaj formiĝas laŭ neŝanĝeblaj ideoj kaj plano el senordaj miope memamaj agadoj de apartaj homo, kies miopaj okuloj estante en centro ne vidas ĉirkaŭon kaj estante en ĉirkaŭon ne vidas centron, ol per tio, ke pli altaj spiritoj klare rigardantaj tutaĵon agas kaj efikas tra homa agado kaj ke ili, ĉiuj mem dense amsiĝintaj ĉirkaŭ komuna dia centro kaj kunkreskintaj interalie per siaj partoj, unuigas ankaŭ homojn, en kiuj ili agadas, kaj kondukus tiujn ĉi homojn al pli alta celo ol celo, kiun penadas atingi ĉiu aparta homo?

Sed krom harmonio inter spiritoj, kiuj amike renkontas kaj pliriĉigas unu alian, ekzistas ankoraŭ batalado inter spiritoj, kies ecoj estas unu kontraŭ alia. En tiu ĉi batalado ĉio, kio kontraŭas sin mem kaj bonon, fine neniiĝos per si mem kaj restos solaj eternaj ecoj en perfekta pureco. Ankaŭ postsignojn de tiu ĉi batalado aperigas homaro en interbatalado de filozofiaj kaj religiaj sistemoj, en malamo de religiaj sektoj, en militoj kaj ribeloj inter reĝoj kaj popoloj kaj inter diversaj nacioj.

En ĉiujn tiujn ĉi grandajn spiritajn movadojn amaso de homoj eniras kaj partopre-

nas kun blinda kredo kun blinda obeo, kun blinda malamo kaj kun blinda kolerego, ĉar homoj aŭdas kaj vidas ne per oreloj kaj okuloj de sia propra animo, sed ilin ekscitas kaj instigas fremdaj spiritoj al celoj pri kiuj homoj mem scias nenion. Homoj estas kondukataj tra sklaveco, morto kaj abomenindaj mizeroj kontraŭvole, ĉar ili kiel brutaro sekvas gvidon kaj instigon de pli altaj spiritoj.

Certe ekzistas ankaŭ homoj, kiuj partoprenas en tiu ĉi granda movado kiel gvidantaj ĝin kaj agantaj kun klara memkonscio kaj interna sendependeco. Sed tiuj ĉi homoj estas nur libere-volantaj rimedoj por grandaj jam antaŭdifinitaj celoj; per sia libera agado ili povas influi nur manieron kaj rapidecon de progreso, sed ili ne povas difini ĝian celon. Nur tiuj homoj estas farintaj en la mondo ion eminentan kaj grandan, kiuj ekkoninte la spiritan direkton de nuntempo, dum kiu ili vivis, gvidis sian liberan agadon kaj pensadon laŭ tiu ĉi direkto, sed egale grandaj homaj spiritoj kiuj kontraŭstaris al tiu ĉi direkto, estas pereintaj. Supre nomitajn homojn farintajn ion grandan elektis tiu spirito, kiu difinas plej bonajn celojn kaj konas plej bonajn vojojn atingi ilin, kiel novajn centrojn de sia movanta forto, por ke ili servu al lia leĝo kaj al lia saĝeco ne kiel blindaj iloj, sed kun ilia propra volo kaj propra prudento. Devigata slavo ne faras pli bonan servon. Sed de kio homoj komencis servi al dio en ĝismorta vivo, tion ili daŭrigos en transmorta vivo kiel partoprenantoj en lia ĉiela regado kaj potenco.

ĈAPITRO KVINA.

Verŝajne en multaj diversaj manieroj kaj vojoj reciproke rekontas sin spiritoj de vivantaj kaj mortintaj homoj senkonscie, en kelkaj okazoj konscie nur de unu flanko. Neniu homo povas esplori tiun ĉi tutan renkonton. Tial ni mallonge diros: spiritoj renkontas sin, kiam ili konscie renkontas sin, kaj mortintoj aperas tie, kie ili aperas konscie.

Ekzistas rimedo por estigi plej konscian rekonton de vivantaj kun mortintaj homoj; tio estas, ke vivantoj memoriĝas pri mortintoj. Per tio, ke ni direktas nian atenton al mortintoj, ni vekas ilian atenton al ni simile al tio ke incito atingita kvanton logas lian atenton tien, de kie venas incito.

Nia memoriĝo pri mortintoj estas nur sekvo de ilia konscia ĝismorta vivo, kiu en ni fariĝis konscia kaj returnas al ili; sed oni vivas trans morto en sekvo kaj sur fundamento de ĝismorta vivo.

Kiam vivanto memoriĝas pri alia vivanta homo, tiam verŝajne ankaŭ tiu ĉi lasta sentas ian tireton en sia konscio; sed tiu ĉi lasta efikas nenion, ĉar tuta konscio de homo estas ankoraŭ ligita kaj enfermita en katenoj de malvasta korpo. Sed konscio liberigita per morto el katenoj serĉas loĝejon kaj sekvas tiron faratan sur ĝi des pli facile kaj pli forte, ju pli ofte kaj pli forte sur ĝi simila tiro estis farita antaŭe en ĝismorta vivo.

Kiel unu kaj tiu sama korpa bato estas sentata ĉiam duflanke, nome de batanto kaj samtempe de batato, tiel ekzistas nur unu konscia bato, kiu ĉe memoro pri mortinto estas sentata duflanke. Ni eraras opiniante, ke ekzistas nur ĝismorta flanko de konscio, ĉar ni ne sentas ĝian transmortan flankon. Tiu ĉi eraro havas kiel sekvojn aliajn erarojn kaj senzorgan kaj malŝatan rilaton al mortintoj.

Amantino estas neatendite perdinta sian amaton, edzino sian edzon, patrino sian infaneton. Vane ili serĉas en malproksima ĉielo parton de sia vivo kvazaŭ perditan, vane ili etendas manojn kaj rigardon en malplenaĵon al tio, kio efektive estis neniam forprenata for de ili; nur fadeno de ekstera interkomprenigo estas tratranĉita, ĉar interkomuniĝo per eksteraj sentiloj, kiun ambaŭ ĝis tiam estas uzintaj por kompreni kaj komprenigi unu alian, fariĝis helpe de interna sentilo interna senpera interkomuniĝo, kiun ilin ambaŭ ankoraŭ ne lernis uzi por reciproke kompreni sin.

Mi vidis iam patrinon serĉi kun timo en domo kaj ĝardeno sian ankoraŭ vivantan infaneton, kiun ŝi portis en siaj brakoj. Ankoraŭ pli granda estas eraro de tiu patrino, kiu serĉas sian mortintan infaneton en malproksima malplenaĵo, kvankam ŝi devas rigardi nur en sian internaĵon por trovi tie sian amaton. Certe ŝi ne trovos lin tutan en si, sed ĉu ŝi posedis lin tutan, kiam ŝi portis lin en brakoj? Profiton de ekstera komuniko, eksteran paroladon, eksteran rigardon, eksteran flegon ŝi jam povas nek ricevi nek doni, sed

profitojn de interna komuniko nur nun ŝi povas ricevi kaj doni; ŝi devas nur scii, ke ekzistas interna komuniko kaj ĝiaj profitoj. Oni ne parolas kun tiu kaj ne prenas manon al tiu, pri kiu oni opinias, ke li forestas. Se vi estos ekkonintaj veron, tiam komenciĝos nova kunvivado de vivantoj kun mortintoj.

Memoriĝu pri mortinto nur sufiĉe perziste. Ne nur estos penso pri mortinto sed ankaŭ la mortinto reiros momente en vin. Vi povas laŭ vole lin estigi aŭ forigi. Se vi alvokas lin, li devas alveni; vi povas lin haltigi, li devas halti, se vi nur persiste sentas kaj pensas pri li. Pensu pri li kun amo aŭ kun malamo — li sentos tion ĉi; pensu pri li kun pliforta amo aŭ kun pli forta malamo — li sentos tion ĉi pli forte. Pli frue vi havis jam memoron pri mortintoj, nun vi scias ĝian uzon; vi povas intence feliĉigi aŭ turmenti mortinton per via memoro; vi povas kun li interpaciĝi aŭ batali kontraŭ li konscie ne nur de via flanko, sed ankaŭ de lia flanko. Faru tion ĉi nur kun plej bona senco kaj intenco; sed zorgu ankaŭ pri tio, ke memoro restigota de vi post via morto estu bona kaj utila por vi mem.

Feliĉa estos tiu, kiu estos restiginta post sia morto trezoron de amo, de estimo, de admiro en memoro de homoj. Kion li perdis per ĝismorta vivo, tion li gajnos en morto ricevinte konscion pri ĉio, kion opinias pri li restantaj vivantaj homoj; li ricevos tutan trezoron, kies malgrandajn partetojn li kalkulis en ĝismorta vivo. Jen estas trezoroj, kiujn ni devas akiri por ĉielo.

Malfeliĉa mizerulo estos tiu, kiun sekvos post morto malbondeziroj, malbenoj kaj memoro plena je teruro. Ĉio tio ĉi, kio dum lia ĝismorta vivo sekvadis lin, atingos lin en morto; tio ĉi helpos ekzistigi inferon, kiu atendas lin. Ĉiu malbeno elparolata kontraŭ li estos kvazaŭ sago pafita post li kaj trafos kaj eniros lian internaĵon.

Sed nur en tuteco de sekvoj, kiujn naskas bonaĵo aŭ malbonaĵo el si mem, aperas perfekta justeco. Verŝajne justuloj, kiujn oni en ĝismorta vivo ne estimis laŭ merito, eĉ malestimis, pro tio devos suferi en la transmorta vivo pro la ekstera malŝato. Pro tio penu atingi laŭ povo havi senmakulan nomon en ĝismorta vivo kaj ne kaŝu viajn talentojn kaj ceterajn bonajn ecojn. Inter spiritoj do en transmorta vivo finiĝis ĉiu malvera juĝo; kion oni en ĝismorta vivo pesis malvere, tio en transmorta vivo estos pesata vere, eĉ per aldono al kontraŭa **flanko suprenpesata**. Ĉiela justeco fine venkos ĉian teran maljustecon.

Kio ajn vekas memoron pri mortintoj, tio estas rimedo alvoki ilin. Ĉe ĉiu festo, per kiu ni honoras mortintojn, ili mem alestas; ili flugadas ĉirkaŭ ĉiu statuo, kiun ni por ili konstruis; ili atente aŭdas ĉiun kanton rakontantan pri ilia agado. Jen estas vivplena ĝermo por nova arto; kiel jam estas maljuniĝinta kiel laciĝinta arto prezenti ĉiam denove malnovajn dramojn al malnovaj rigardantoj. Nun aperas por aktoroj kvazaŭ super partero, enhavanta malsupran etaĝon kun malnovaj rigardantoj, rondo de loĝioj, malsupren de kiuj rigardas pli alta societo. De nun plej alta celo de arto estas krei ne tiel, kiel plaĉas al malsupraj rigardantoj, sed tiel, kiel volas supraj; sed malsupraj devas voli tiel, kiel plaĉas al supraj rigardantoj.

Mokistoj mokadas kaj eklezioj disputadas pri sekreto, kiu al unuj ŝajnas kontraŭprudenta kaj al aliaj transprudenta,ĉar al ili ambaŭ estas tute kaŝita ankoraŭ pli granda sekreto. Fine el malkaŝiĝo de tiu ĉi sekreto fluas simple kaj klare tio, kion prudento de mokistoj ne komprenis kaj kio detruis konsenton inter eklezioj. Tiu ĉi sekreto estas nur plej granda ekzemplo de komuna regulo, sed ili opiniis, ke tio ĉi estas escepto el ĉiu regulo aŭ trans ĉiu regulo.

Ne nur per korpo farita el faruno kaj akvo eniras Kristo en kredulojn ĉe sia komunio aŭ memorfestmanĝo; ĝuu ĝin kun persista memoro pri li kaj li estos kun sia penso ne nur ĉe vi sed ankaŭ en vi. Ju pli vi memoriĝos lin, des pli li estos en vi; ju pli forte vi pensos pri li, per des pli potenca forto li fortigos vin. Sed se vi ne pensos pri li, tiam en komunio vi manĝos nur farunon kun akvo kaj trinkos ordinaran vinon.

## ĈAPITRO SESA.

Sopiro enestanta en ĉiu homo, renkonti post morto tiujn, kiujn li en ĝismorta vivo plej multe amis, komunikiĝi kaj vivi kun ili kaj renovigi sian pli fruan rilaton al ili, estos efektivigata pli perfekte ol kiel oni iam povis divene supozi kaj promesi.

Ne nur renkontos unu alian en transmorta vivo tiuj, kiuj en ĝismorto vivo estis kunlig-

itaj per iu ajn komuna spirita elemento, sed ankaŭ kunkreskos ili en unu per tiu ĉi elemento; ĉar ĝi fariĝos ilia komuna anima membro, kiu apartenos egale al ambaŭ

Jam nun mortintoj kun vivantoj kaj vivantoj kun vivantoj estas kunkreskintaj per sennumereblaj tiaj komunaj elementoj; sed nur tiam, kiam morto solvos ligotuberon ligitan de korpo ĉirkaŭ ĉiu vivanto, al kunligo inter konscioj aliĝos ankaŭ konscio pri kunligo.

En momento de morto ĉiu ekkonos, ke tio, kion la animo enprenis en sin de pli frue mortintoj aŭ kion li havis komuna kun ili, ankoraŭ apartenas al tiuj ĉi spiritoj. Tial mortanta animo eniros en trian vivŝtupon ne kiel fremda gasto sed kiel de longe jam atendita, al kiu etendos manojn ĉiuj, kun kiuj li en ĝismorta vivo estis kunligita per komunaĵo de kredo, de scio kaj de amo, por ke ili tiru lin al si kiel ekzistaĵon apartenantan al si. En egale internan rilaton ni ankaŭ eniros kun tiuj grandaj mortintoj, kiuj jam longe antaŭ nia tempo trairis duan vivŝtupon kaj kies ekzemplon imitadis nia animo kaj kies instruojn ni aŭdadis kaj lernadis. Kiu en ĝismorta vivo tute en Kristo vivadis, tiu en transmorta vivo estos tute en Kristo. Sed lia persono ne estingiĝos en pli alta persono, kontraŭe gajnos nur pli grandan forton kaj samtempe pligrandiĝos potencon de lasta persono. Ĉar ĉiu el tiuj spiritoj, kiuj kunkreskas per siaj komunaj momentoj, gajnos forton de alia kaj samtempe difinas unu alian per diversaĵo kunligita kun egalaj momentoj.

Tiel kelkaj spiritoj reciproke pli fortiĝos per grandaj partoj de siaj ekzistaĵoj, kelkaj estos kunligitaj nur per apartaj egalaj momentoj.

Ne ĉiuj kunligoj fonditaj sur komunaj spiritaj momentoj restos; restos nur tiuj kunligoj, kiuj estas fonditaj sur komunaj momentoj de vereco, de beleco kaj de virteco. Ĉio ne havanta en si eternan harmonion fine disfalos per si mem, se ĝi nur estos daŭrinta trans ĝismorta vivo; tiu ĉi disfalo efikos disiĝon de spiritoj, kiuj estis kelkatempe unuigitaj en malelektinda kunligo.

Kvankam plej multaj spiritaj momentoj, kiuj en ĝismorta vivo disvolviĝas kaj kiujn ni prenas kun ni en transmortan vivon enhavas kernon de vero, bono kaj belo, tamen ili estos envolvitaj kvazaŭ en ŝelo el multo da malgravaĵo, malveraĵo kaj difektitaĵo. Tiuj spiritoj, kiuj estos kunkreskintaj per similaj al tuj nomitaj momentoj, povas resti en kunligo aŭ disiĝi laŭ tio, ĉu ambaŭ konsentas konservi bonaĵon en sia kunligo kaj disiĝantaj for de malbonaj spiritoj restigi mal bonaĵon ĉe ili aŭ ĉu unu prenas bonaĵon kaj alia malbonaĵon. Sed spiritoj, kiuj komune akiris ian formon aŭ ideon de vereco, beleco kaj virteco en ĝia eterna pruveco restos kunligitaj de ĝi eterne kaj posedos ĝin en egala maniero kiel parton de si mem en eterna konsento kaj unueco.

Per ekposedo de eternaj ideoj pli altaj spiritoj kunkreskinte konsistiĝos pli grandajn spiritajn membrarojn. Kiel ĉiuj individuaj ideoj havas komunajn ideojn kaj tiuj ĉi lastaj ankoraŭ pli universalajn ideojn kiel radikon, tiel same fine ĉiuj spiritoj estos kunligitaj kiel membroj kun plej alta spirito, kun Dio. Tial mondo de spiritoj atinginta perfektecon estos ne aro sed arbo de spiritoj, kies radikoj estos enkreskintaj en teron kaj kies krono atingos ĉielon.

Nur plej grandaj kaj plej noblaj spiritoj, ekzemple Kristo, genioj kaj sanktuloj, povas ĝiskreski en internan altecon de Dio; pli malgrandaj kaj malpli eminentaj spiritoj enestas en ili kvazaŭ branĉetoj en branĉoj kaj branĉoj en trunkoj kaj per ili estos kunligitaj kun tio, kio estas plej alta en plej alta spirito. Tiel mortintaj genioj kaj sanktuloj estas efektivaj interrilatistoj inter Dio kaj homoj; unuflanke ili partoprenas ideojn de Dio kaj transdonas ilin al homoj, aliaflanke ili sentas suferojn, ĝojojn kaj dezirojn de homoj kaj transdonas ilin al Dio.

Adoro de mortintoj kaj diigo de naturo en komenco de religioj estis parte kunligitaj parte disigitaj; plej sovaĝaj nacioj restigis plej multon kaj plej kleraj nacioj plej altan el adoro de mortintoj. Certe nun ne ekzistas religio, kiu ne konservis grandan parton el adoro de mortintoj kiel sian ĉefan konsistan parton.

Estus dezirinde, ke en ĉiu urbo ekzistu templo por ĝiaj eminentaj mortintoj konstruita apud aŭ en templo de Dio; Kristo do vivu kiel ĝis nun kun Dio en tiu sama ĉambro.

## ĈAPITRO SEPA.

> Ni vidas nun kvazaŭ tra vitro en enigmo, do de vizaĝo al vizaĝo. Nun mi konas parte, sed tiam mi konos tiel kiel mi mi estos konita.
>
> *(Letero al Korintanoj 13 : 12)*

Homo en dua vivŝtupo vivas samtempe eksteran kaj internan vivon, unuan de ĉiuj vidatan kaj sentatan en rigardoj, en vortoj, en skriboj, en eksteraj faroj kaj agoj, lastan sentatan nur de li mem en internaj pensoj kaj sentoj. Daŭrigon de vidata vivo en eksteraĵon oni povas vidi, sed daŭrigon de nevidata vivo oni ne povas vidi; tamen lasta daŭrigo ekzistas. Kune kun ekstera vivo de homo lia interna vivo kiel lia kerno daŭros trans ĝismorta homo por konsistigi kernon de transmorta homo.

Efektive, kio el homo dum lia vivado eliras vidata kaj sentata de ceteraj vivantaj homoj, tio ne estas ĉio, kio eliras el li. Kvankam tremaĵo aŭ svingaĵo, kiu fondas aŭ portas iun konscian movon en nia kapo, estas verŝajne treege malgrandeta kaj delikateta — tuta ludo de konsciaj movoj estas portata de interna ludo en nia kapo — tamen ĝi ne povas estingiĝi senspekve, sed devas naski siaspecajn pluefikojn en ni kaj fine trans ni eksteren; ni nur ne povas sekvi ĝin en eksteraĵo. Kiel liuto ne povas haltigi en si ian ludon, ĝi estos portata trans tiu liuto eksteren, tiel same ankaŭ nia kapo; nur plej proksima parto de ludo apartenas al liuto kaj al kapo.

Verŝajne neeldireble malsimpla ludo de ondoj altŝtupaj, kiuj havas sian komencon en ludo de nia kapo, disvastiĝas sur maldelikata malalta ludo, kiun povas ekstere senti nia orelo. Nomitaj ondoj altŝtupaj estas komparablaj kun la plej delikataj ondetoj sur grandaj ondoj en lago aŭ kun desegnoj havantaj nenian dikecon sur dikmaŝa tapiŝo, kiu tamen ricevos de ili tutan sian belecon kaj sencon. Sed fizikisto sente ekkonas kaj sekvas nur ludon de eksteraj malaltŝtupaj ondoj kaj lasas sen esploro pli delikatan ludon, kiun li sente ne konas. Kvankam li sente ne konas pli delikatan ludon, tamen li konas ĝian kaŭzon; ĉu li devos neigi sekvon de kaŭzo t. e. pli delikatan ludon ? (1)

Laŭ ĉio supre dirita tio, kio estas enirinta el spiritoj en nin per pluefinoj de ilia ekstere sentebla ĝismorta vivo, ne elĉerpas ilian tutan ekzistaĵon; kontraŭe krom tiu ĉi ekstera parto ilia ekzistaĵo ekzistas ankoraŭ en nekomprenebla por ni maniero interna eĉ ĉefa parto de ilia ekzistaĵo.

Se homo estus vivinta eĉ sur dezerta insulo kaj neniam ekstere influinta vivon de ceteraj homoj, tamen li estus kapabla laŭ sia interna ekzistaĵo kerne pluekzisti atendante estontan disvolviĝon, kiun li en ĝismorta vivo ne povis trovi en reciproka komuniĝo kun ceteraj homoj. Plu se infano estus vivinta nur unu momenton, li neniam povus malviviĝi. Plej mallonga momento de konscia vivo faras jam rondon de efikoj ĉirkaŭ si tiel same kiel plej mallonga tono, ŝajnante momente estingiĝi, faris tian rondon, kiu portas tonon en senfinaĵo trans proksime starantaj aŭdantoj; ĉar nenia efiko estingiĝas en si mem sed ĉiu efiko devos eterne naski novajn siaspecajn efikojn. Tial spirito de infano pludisvolviĝos el sia konscia komenco simile al spirito de suprenomita homo vivinta en soleco; komprenebla tiu ĉi disvolviĝo diferencas disvolviĝon el pli plena komenco.

Kiel homo nur per morto ricevas plenan konscion pri tio, kion li estas spirite naskinta en ceteraj homoj, tiel ankaŭ li en morto atingos plenan konscion kaj uzon pri tio, kion li faris en si mem. Kiaj spiritaj trezoroj de li estas akiritaj dum lia vivo, kio pleniĝas lian memoron, kio penetras lian senton, kio estas kreita de lia prudento kaj fantazio, ĉio tio ĉi apartenas eterne al homo. Sed tuta kunligo de tio ĉi estas ankoraŭ malluma en ĝismorta vivo; nur la penso paŝas kvazaŭ kun luma lampeto tra tiu ĉi kunligo kaj heligas tion, kio kuŝas en mallarĝa linio de ĝia

---

1. Sendepende de supozo, ke ludo de nervoj estas ĥemia aŭ elektra proceso, oni devas ĉiam supozi, ke ludo de nervoj, se ĝi ne estas ludo mem de svingiĝantaj plu nedivideblaj ŝtofpartetoj, estas almenaŭ kaŭzata aŭ akompanata de lasta ludo; ĉe tio ĉi nepesebla ŝtofo verŝajne ludas pli gravan rolon ol pesebla. Sed svingaĵoj povas nur ŝajne estingiĝi disvastiĝantaj en ĉirkaŭaĵo aŭ se ili eĉ dum kelka tempo estingiĝos per tio, ke ilia viva forto fariĝas tiel nomata streĉforto, tamen ili laŭ leĝo pri konservo de forto atendas sian reviviĝon en ia ajn formo.

vojo, ĉio cetera restas en mallumo. Homo neniam en ĝismorta vivo eksentas unumomente sian tutan internan riĉecon; nur kiam unu parteto de tiu ĉi riĉeco allogas alian parteton por kunligi sin kun ĝi, tiu ĉi lasta elnaĝas dum momento el mallumo kaj tuj ree malnaĝas tien. Tiel homo estas fremdulo en sia propra spirito kaj vagas en ĝi laŭ hazardo aŭ malacile serĉante vojon laŭ fadeno de konkludo kaj ofte forgesas pri siaj plej bonaj trezoroj kuŝantaj iom malproksime de luma vojo de penso en mallumo, kiu kovras vastan kamparon de spirito. Sed en momento de morto kiam eterna nokto estos kovrinta okulon de homa korpo, ektagiĝos en lia spirito. Tiam centro de interna homo ekbruliĝos kvazaŭ suno, kiu tralumos en li ĉiujn spiritajn trezorojn kaj kiu samtempe kiel interna okulo trarigardos ilin kun supertera klareco.

Ĉion dum ĝismorta vivo forgesitan de homo li trovos en transmorta vivo, li eĉ forgesis ĝin, ĉar ĝi foriris tien antaŭ li; li trovos tie kolektitan ĉion forgesitan. Pro tiu nova universala klareco homo ne devos malfacile serĉante kolektadi tion, kion li deziras kunligi, kaj pecetigi tion, kion li deziras disigi, sed momente kaj samtempe li ekrigardos ĉion, kio estas en li mem, en rilatoj de simileco kaj diverseco, de kunligo kaj disigo, de konsento kaj malkonsento, ne nur en unu direkto de pensado, sed samtempe en ĉiuj direktoj. (1)

Kiel rapida flugo kaj klara okulo de birdo multoble superas malrapidegan rampon de blinda raŭpo, kiu eksentas nur tuŝitan de ĝiaj malrapidaj piedoj, tiel transmorta pensado superos ĝismortan kaj alte flugos super ĝi. Tial en morto kune kun korpo de homo pereos ankaŭ liaj sentiloj, lia prudento, eĉ tuta konstruo de spirito taŭga nur por ĝismorta limitaĵo; ĉar ili estas formoj tro malvastaj por lia tiama ekzistaĵo kaj membroj kiuj plu ne estas utilaj al li en tia ordo de objektoj, kie li ĉion, kion tiuj ĉi membroj devus por li krei kaj malfermi apartigite, malfacile kaj malperfekte, havas, rigardos kaj ĝuas samtempe, senpere en si mem. Sed memkonscio de homo restos en ĝia plena disvastiĝo kaj disvolviĝo netuŝita de liaj detruiĝantaj tempaj formoj, nur estingiĝintan malaltan agmanieron anstataŭos pli alta vivmaniero. Forestos ĉiu maltrankvileco de pensoj, ĉar ili plu ne devos moviĝi unu al alia por konsciiĝi pri sia reciproka rilato. Sed anstataŭ tio ĉi komenciĝos nun pli alta interkomunikiĝo senpera de unu spirito al alia; kiel pensoj en nia spirito interkomunalia; kiel pensoj en nia spirito interkomuninikiĝos en pli alta spirito. Tiun ĉi pli altan spiriton aŭ centron kunligantan per si ĉiujn tiajn pli altajn spiritojn oni nomas Dio. Ludo de niaj pensoj estas eĉ nur branĉeto de tuj nomita interkomunikiĝo inter spiritoj. En transmorta vivo oni bezonos nek lingvon por kompreni unu alian nek okulon por ekkoni unu alian, sed kiel en ni unu penso komprenas alian penson kaj efikas sur ĝin sen rimedo de orelo, buŝo kaj mano, unuiĝas kun ĝi aŭ diferencas je ĝi sen ia fremda ligilo aŭ muro tiel sekreta, interna kaj senpera estas interkomunikiĝo de spiritoj. Por neniu spirito estos io kaŝita en alia spirito. En transmorta vivo klare ekkonos ĉiuj spiritoj ankaŭ ĉiujn pekajn pensojn de homo, kiuj dum ĝismorta vivo moviĝas kaŝite en mallumo de lia spirito, kaj ĉion kion homo volonte kovrus per mil manoj por similaj al si ekzistaĵoj. Nur spirito estinta tute pura kaj sincera en ĝismorta vivo povos en transmorta vivo renkonti aliajn spiritojn nehontante; pri kiu oni malveron opiniis sur tero, tiun oni tie ekkonos kaj rekompencos laŭ merito.

Ankaŭ en sia propra ekzistaĵo spirito ekkonos trarigardinte sin mem ĉiun mankon kaj ĉion kio restis ankoraŭ en li el ĝismorta vivo neperfekta, malhelpanta kaj malkonsenta; spirito ne nur ekkonos tiujn ĉi mankojn, sed ankaŭ sentos ilin en sia komuna farto tiel forte, kiel ni sentas niajn korpajn mankojn, aŭ malsanojn. Sed kiel en ni unu penso liberiĝas per alia penso de tio, kio estos en ĝi malvera, kaj kiel pensoj kuniĝintaj per siaj komunaj partoj konsistigas pli altajn pensojn kaj per tio ĉiu penso pliperfektiĝas forigante sian mankon, tiel ankaŭ spiritoj trovos en sia reciproka intekomunikiĝo rimedojn por progreso kaj perfektiĝo.

1. Kiam morto alproksimiĝas al homo en ĝismorta vivo (ekzemple dum narkozo aŭ en momento de danĝero morti pro drono en akvo aŭ en farto de somnambuleco), li jam ofte rimarkas alproksimiĝon al tiu ĉi klareco tralumanta samtempe preskaŭ tutan spiritan enhavon de homo.

ĈAPITRO OKA.

Homo en ĝismorta vivo interkomunikiĝas kun naturo ne nur spirite, sed ankaŭ korpe. Varmo, aero, akvo kaj ŝtonaĵo penetras en lin de ĉiuj flankoj kaj ree disfluas el li en ĉiujn flankojn kaj per tio kreas kaj aliigas lian korpon. Varmo, aero, akvo kaj ŝtonaĵo, kiuj ekster homo estas nur apud alia, en homo renkontas sin kaj kunmiksiĝas kaj per tio ekzistigas ligotuberon, kiu disigas de eksteraĵa sento kaj enfermas en si korpan senton de homo kaj per tio ankaŭ ĉion, kio estas pli interna ol sento. Nur per sentiloj kvazaŭ tra fenestroj de sia korpa ŝelo homo povas rigardi kaj senti en eksteran mondon kaj iom ĉerpi el ĝi kvazaŭ per malgrandaj siteloj.

Sed kiam homo estos mortinta, tiam samtempe kun putrado de lia korpo tiu ĉi ligotubero solviĝos kaj spirito plu ne ligata de ĝi enfluos kaj disvastiĝos en naturon kun plena libereco. Li plu eksentos lumajn kaj sonajn ondojn ne kiel ili batas lian okulon kaj orelon, sed kiel ili mem trairas eteran kaj aeran maron; li plu ne sentos kiel vento blovas kaj ondoj de maro batas al lia korpo banante sin en ili, sed kiel ili mem bruas en aero kaj en maro; li plu ne ekstere promenados en verda arbaro kaj verda herbejo, sed sente penetros arbaron kaj herbejon kaj eĉ homojn promenadantajn en ili.

Tiel homo ĉe transiro en pli altan vivŝtupon perdos nenion, escepte ilojn, kies limigitan servon li plu ne bezonas en vivo, en kiu li tute kaj senpere portos kaj sentos en si ĉion, kio sur malpli alta vivŝtupo alproksimiĝis al li nur apartigite kaj ekstere per tiuj ĉi sentiloj. Estus tute senutile transpreni en transmortan vivon okulon kaj orelon por ke ni povu ĉerpi per ili lumon kaj sonon el fonto de viva naturo, ĉar ondaro de nia estonta vivo kuniĝos kun ondoj de lumo kaj de sono.

Okulo de homo estas nur malgranda sunsimila loketo sur tero kaj vidas en ĉielo nur lumajn punktetojn. Deziro de homo ekscii pli pri ĉielo ne efektiviĝas en ĝismorta vivo.

Homo elpensas teleskopon kaj pligrandigas tiel vastaĵon kaj vidforton de sia okulo; vane, steloj restas nur punktetoj. Tial homo opinias, ke tion, kion ne donas al li ĝismorta vivo, li atingos en transmorta vivo kaj ke li eniros en ĉielon kaj tiam klare ekrigardos tion, kio restas kaŝita por liaj teraj okuloj.

Homo estas prava tiel opiniante. Sed ne per tio li eniros ĉielon, ke li ricevos flugilojn por flugi de unu stelo sur alian aŭ eĉ en nevideblan ĉielon trans videbla ĉielo; kie ekzistus en naturo tiaj flugiloj? — ne per tio li lernos koni tutan ĉielon, ke li iam post iam en multaj novaj renaskiĝoj aŭ rekorpiĝoj estos portata de unu stelo sur alian; ne ekzistus do cikonio, kiu povus portadi infanetojn de unu stelo sur alian — ne per tio homa okulo ricevos forton rigardi plej grandan ĉielan vastaĵon, ke ĝi fariĝos plej granda teleskopo; principo de tera okulo ne sufiĉos plu; — sed per tio homo atingos ĉion, ke li en transmorta vivo kiel konscia parto de granda ĉiela estaĵo nun portanta lin partoprenos konscie en ĝia lumkomunikiĝo kun ceteraj ĉielaj estaĵoj. Nova maniero vidi! por ni en ĝismorta vivo nenio, ĉar nia vidmaniero estas por ĉielo nenio. En ĉielo tero mem naĝas kiel granda okulo, kiu enmetita en lumaj maroj de steloj turniĝas ĉirkaŭ si mem por ricevi de ĉiuj flankoj ondarojn de ĉiuj ceteraj steloj; tiuj ĉi ondaro multegefoje trapasas unu alian, tamen ne malhelpas. Per tiu ĉi okulo rigardi ĉielon homo iam lernos; tio ĉi estas ebla per tio, ke ondaro de lia estonta vivo penetranta teron trovos eksteran ondaron de cetero ĉirkaŭanta ĝin kaj en konstruan direkton de lasta ondaro per plej delikataj ondetoj disvastiĝos tra ĉielon.

Lernos rigardi! Kiel multon ankoraŭ devos lerni homo post morto. Ĉar ne estas verŝajna opinio, ke li posedos tuj ĉe sia eniro en ĉielon tutan ĉielan klarecon, por kiu transmorta vivo donas rimedojn. Ankaŭ en ĝismorta vivo infano devas lerni rigardi kaj aŭdi; ĉar kion infano komence vidas kaj aŭdas, tio estas por li nekomprenata ŝajno, sono sen senco, komence eĉ blindetiĝaĵo, surdetiĝaĵo kaj konfuzaĵo; verŝajne similan al tio ĉi prezentos komence transmorta vivo al novaj sentiloj de nova infano. Nur tion, kion homo alportis kun si el ĝismorta vivo t. e. tutan memorrestaĵon pri ĉio, kion li en ĝismorta vivo faris aŭ pensis kaj kio li estis, li ĉe morto subite ekvidos kaj eksentos en si klare kaj hele; sed kun tio ĉi li ankoraŭ restas nur tio, kio li jam estis. Ankaŭ neniu devas opinii ke beleco de transmorta vivo utilos al malsaĝulo, maldiligentulo kaj malbonulo alie ol per tio, ke tiu ĉi beleco sentigos lin pri malkonsento

de lia estaĵo kun ĝi kaj per tio ĉi fine devigos lin forĵeti malbonajn ecojn. Jam en ĝismortan vivon homo alportis kun si okulon por rigardadi tutan ĉarmecon kaj belecon de ĉielo kaj de tero, orelon por aŭdi muzikon kaj homan lingvon kaj prudenton por kompreni sencon de ĉio rigardita kaj aŭdita; sed ĉu tio ĉi utilas al malsaĝulo, maldiligentulo kaj malbonulo? —

Kiel p'ejbonaĵo kaj plejaltaĵo de ĝismorta vivo, tiel ankaŭ plejbonaĵo kaj plejaltaĵo de transmorta vivo ekzistos nur por plejbonuloj kaj plejaltuloj; ĉar nur ili komprenis, volis kaj kreis ĝin.

Verŝajne nur pli alta homo de transmorta vivo ekakiros komprenon pri konscia interkomunikiĝo de tiu estaĵo, kiu lin portas en si, kun ceteraj ĉielaj estaĵoj kaj eniros mem en tiun ĉi interkomunikiĝon kiel ilo.

Ĉu fine tuta tero, ĉirkaŭiranta sunon en iom post iom malpligrandiĝantaj rondoj, post multegaj jarmilionoj reiros en korpon de sia patrino, el kiu ĝi iam elvenis, kaj ĉu de tiam komenciĝos vivo sur kaj en suno de ĉiuj teraj kreitaĵoj? Tion ĉi oni ankoraŭ ne scias kaj estus eĉ negrava scii tion ĉi jam nun en ĝismorta vivo.

### ĈAPITRO NAŬA.

Spiritoj de tria vivŝtupo vivos en tera naturo, kies unu parto konsistas el homaro, kiel en komuna korpo, kaj ĉiuj procesoj en naturo estos por ili tio sama, kio por ni estos procesoj en nia korpo. Ilia korpo kiel komuna patrino enhavos en si korpojn de spiritoj sur dua vivŝtupo simile al tio, kiel korpoj de spiritoj sur dua vivŝtupo enhavas en si korpojn de spiritoj sur unua vivŝtupo.

Sed ĉiu spirito de tria vivŝtupo havos de komuna korpo kiel sian apartan parton nur tion, kion li estos en tera naturo plu disvolvinta kaj plu prilaborinta. Kio en mondo per ekzistado de ia homa fariĝis alia ol kia ĝi estus; se tiu ĉi homo ne estus ekzistinta, en tio ĉi homo ekzistados plu sur komuna radiko de ĉiu ekzitado. Tiaj apartaj partoj de estonta homa korpo konsistas parte el firmaj aranĝadaĵoj, konstruadaĵoj kaj verkoj parte el efikoj pludaŭrantaj en si turniĝantaj kaj al si mem revenantaj tiel same kiel ankaŭ nuna homa korpo konsistus el firmaj kaj el aliiĝantaj elementoj, kiuj lastaj havas sian apogon sur firmaj elementoj.

Sed ĉiuj ekzistadrondoj, kiuj portas vivon de transmortaj spiritoj, eniĝas unu alian kaj vi demandos, kiel estas ebla tio, ke sennombraj rondoj renkontas kaj trairas unu alian kaj tamen ne malhelpos, ne erarigos kaj ne malordigos unu alian? —

Demandu do pli frue, kiel estas ebla tio, ke renkontos kaj trairos unu alian sennombraj ondorondoj en sama lageto, sennombraj sonondoj en sama etero, sennombraj memorondoj en sama kapo kaj fine sennombraj rondoj portantaj transmortan vivon de homoj jam dum ĝismorta vivo, tamen ili ne malhelpas, ne erarigas kaj ne malordigas unu alian? Kontraŭe per tiu ĉi reciproka renkonto kaj tranĉo ekzistiĝos nur pli alta vivo kaj ago de ondoj, de memoroj, de ĝismortaj vivuloj, kaj fine de transmortaj vivuloj.

Kio do apartigas reciproke trairantajn rondojn de konscio? Nenio apartigas ilin en tiuj detaloj, per kiuj ili trairas unu alian; ĉiuj tiuj ĉi detaloj apartenas komune al ĉiuj rondoj, sed ĉiu rondo posedas ĉiun detalon nur en alia rilato ol ĉiu cetera rondo; nur tio ĉi lasta apartigas rondojn entute kaj ankaŭ diferencigas iliajn detalojn en pli alta senco.

Demandu ree, kio diferencigas aŭ apartigas reciproke trairantajn rondojn de ondoj? Neniu detalo; malgraŭ tio ĉi oni povas facile distingi ĉiun tutan rondon je ĉiu cetera tia rondo eĉ laŭ ekstera formo. Ankoraŭ pli facile devas distingi rondo kun interna memkonscio sin mem je ĉiu cetera tia rondo kaj ankaŭ ĉiun rondon trairantan sin je ĉiu cetera tia rondo.

Eble vi estos jam ofte ricevinta el malproksima lando leteron traire skribitan laŭlonge kaj laŭlarĝe. Kio diferencigas ambaŭ skribitaĵojn? Nur interligo de literoj ekzistanta aparte en ĉiu skribitaĵo. Tiel same trairas unu alian spiritaj skribaĵoj skribitaj sur folio de mondo; ĉiu tiu skribaĵo legas sin mem kvazaŭ ĝi sola estus sur folio kaj samtempe ĝi legas ankaŭ ceterajn skribaĵojn trairantajn sin. Kompreneble ne nur du, sed sennombraj skribaĵoj trairas unu alian en mondo; letero povas nur tre malforte simboli mondon.

Kiel do konscio povas konservi sian unuecon en tiel granda disvastiĝo de sia ŝtofa

fundamento kaj kiel konsentigi sian ekzistadon kun leĝo pri konscisojlo? (1)

Demandu pli frue, kiel konscio povas konservi sian unuecon en malpli granda disvastiĝo de ĝismorta korpo? Granda disvastiĝo de transmorta korpo nur daŭrigas malgrandan disvastiĝon de ĝismorta korpo. Cu via korpo, ĉu via cerbo estas unu punkto? aŭ ĉu ekzistas mezpunkto kvazaŭ loĝejo de animo Ne. Kiel nun ĉefa eco de via animo konstistas el unuigo kaj interligo de malgranda ĝismorta korpo, tiel same trans morto ĉefa eco de animo konsistos el tio, ke li unuigos kaj interligos pli grandan transmortan korpon. Animo de Dio unuigas kaj interligas eĉ tutan mondon; — aŭ ĉu vi volas serĉi dion en unu punkto? — En transmorta vivo vi nur pli partoprenos en dia ĉieekzistado ol en nuna vivo.

Se vi eble timas, ke ondo de via transmorta vivo pro ĝia tro granda disvastiĝo plu ne atingos sojlon, kiun ĝi dum ĝismorta vivo superas, tiam pripensu tion, ke ĝi disvastiĝas ne en malplenan mondon — en tiu ĉi okazo, ĝi verŝajne jetus sin sensaveble en profundaĵon — sed en mondon, kiu estas eterna fundamento de dia vivo kaj samtempe fundamentas ankaŭ vian vivon; ĉar nur sur fundamento de dia vivo povas vivi kreitaĵoj. (2)

Pasereto sur dorso de aglo povas facile transflugi supron de monto, sed fari tion ĉi sen helpo pasereto ne povas pro sia malforteco; fine pasereto de dorso de aglo povas flugi eĉ iom pli alte ol aglo mem. En Dio flugas granda aglo kaj malgranda pasereto.

Kiel homo povas vivi post morto sen cerbo tiel arte konstruita? — Cerbo ja dum ĝismorta vivo portis ĉiun movon de homa animo kaj movoj de animo faris verbon ankoraŭ pli taŭga por porti tiujn ĉi movojn. Cu cerbo estis vane konstruita?

Demandu kreskajon, kiel ĝi povas vivi sen semgrajno disrompita de ĝi por kreski en lumon. Ankaŭ semgrajno estas arte konstruita kaj plu perfektigita per agado de interna ĝermo. Cu semgrajno estis vane konstruita?

Sed kie en ekstera mondo ekzistas konstruaĵo tiel arte farita kiel homa cerbo kaj povanta anstataŭi ĝin en transmorta vivo? Kie ekzistas eĉ pli arte farita konstruaĵo ol cerbo? Car transmorta vivo devas ja superi ĝismortan vivon.

Via tuta korpo ja estas pli granda kaj pli alta konstruaĵo ol okulo, orelo, cerbo kaj entute ol ia parto de korpo. Tiel kaj eĉ nedireble pli multe superos tero, kies parto estas tuta homaro kun regno, kun scienco kaj kun interkomunikiĝo, vian malgrandan cerbon, parteton de tiu ĉi parto. Ne opiniu nur, se vi volas levi vin ĝis pli alta mondrigardo, ke tero estas nur kuglo konsistanta el seka sablo, ŝtonoj, akvo kaj aero. Tero estas en si mem interligita kreitaĵo pli granda kaj pli alta ol vi; ĝi estos ĉiela kreitaĵo havanta en sia suraĵo vivon kaj agadon pli admirindan ol vivo kaj agado en via malgranda cerbo; ĉar tiu ĉi lasta vivo estas nur malgranda parteto de tera vivo. Vane vi sonĝos pri vivo *post* vi, ne ekkoninte vivon *ĉirkaŭ* vi.

Kion vidas anatomiisto rigardanta en cerbon de homo? li vidas nur konfuzan kunmeton de blankaj fibroj, kies senco estas por li nesolvebla enigmo. Sed kion vidas cerbo mem en si? ĝi vidas mondon konsistantan el lumo, sonoj, pensoj, memoroj, fantaziaĵoj kaj sentoj pri amo kaj malamo. Tiel opiniu pri rilato inter tio, kion vi staranta ekster

---

1. Tiu ĉi laŭsperta leĝo en rilato inter korpo kaj animo konsistas el tio, ke konscio ĉie kaj ĉiam estingiĝas, kie kaj kiam korpa ago, kiu estas ĝia fundamento, fariĝas pli malgranda ol ia difinita grado de ago, nomata sojlo de konscio. Ju pli disvastiĝas korpa ago, des pli malforta ĝi fariĝas kaj povas tial des pli facile malleviĝi sub sojlo de konscio. Ne nur tuta konscio havas sojlon, kiu stariĝas limon inter dormo kaj maldormo de tuta homo, sed ankaŭ ĉiu detalo en konscio havas apartan sojlon. Tiu ĉi lasta sojlo estas kaŭzo de tio, ke dum maldormo jen tia jen alia konsciero en konscio aperas aŭ malaperas; ĝi aperas, kiam korpa ago, ĝia fundamento, estas pli granda, kaj malaperas, kiam tiu ĉi ago estas malpli granda ol sojlo de konsciero.

2. Por solvi eĉ ŝajnan malkonsenton inter tiu ĉi pripensaĵo kaj psiĥofizika teorio pri miksosojlo, sekvu jena rimarko. Se homa vivondo psiĥofizika, kiu estas kunmetita de konsistigantoj tre diversaj, disvastiĝus en mondon enhavantan nur konsistigantojn malsimilajn al ĵus nomitaj, tiam oni devus supozi, ne vivondo pro ĝia disvastiĝo devas malleviĝi sub miksosojlon de tiaj ondoj. Sed psiĥofizika ondmaro de mondo inter siaj konsistigantoj enhavas ankaŭ tiajn konsistigantojn, kiuj estas similaj al konsistigantoj de homa vivondo kaj kiuj havas diversan altecon aŭ fortecon — sekve ekzistas ankaŭ tiaj ondoj, kiuj jam superas miksosojlon aŭ estas proksimaj al ĝi — tiuj ĉi similaj ondoj per sia aliĝo plifortigas vivondon de homo kaj levas ĝin super miksosojlon. En tia maniero estas klarigita pli detale rezultato de supre farita pripensado.

mondo vidas en ĝi, kaj tio, kion ĝi mem vidas en si, kaj ne postulu, ke ambaŭ aferoj en tuta mondo estu pli simlaj inter si ol en vi, kiu estas nur parto de mondo. Nur tial, ke vi estas parto de mondo, vi povas vidi en vi ankaŭ parton de tio, kion tuta mondo vidas en si mem.

Fine vi eble ankoraŭ demandos, pro kio nia tiel nomata plivasta korpo ekmaldormos nur en transmorta vivo, kvankam ni estos konstruintaj ĝin jam dum ĝismorta vivo el ni en teran mondon kaj kvankam ĝi jam nun estas daŭrigo de nia malpli vasta korpo?

Nia plivasta korpo ekmaldormos pro tio, ke nia malplivasta korpo ekdormos, eĉ pereos. Tio ĉi estas nur ekzemplo de tiu sama komuna regulo, kiu estos vera ĉiam en ĝismorta vivo kaj kiu tial verŝajne estos vera plu en transmorta vivo. Vi, dubulo, volas ĉiam konkludi nur el faktoj de ĝismorta vivo, konkludu.

Viva forto de konscio neniam ekzistiĝas kiel vere nova kaj neniam pereas, sed ĝi povas aliigi nur sian lokon, formon kaj disvastiĝmanieron en tempo kaj en spaco tiel same kiel ĝia fundamento t. e. viva forto de korpo. Viva forto de konscio povas nur hodiaŭ aŭ tie ĉi malpligrandiĝi por morgaŭ aŭ aliloke pligrandiĝi kaj hodiaŭ aŭ tie ĉi pligrandiĝi por morgaŭ aŭ aliloke malpligrandiĝi. (1)

Por tio, ke okulo povu maldormi t. e. por tio, ke vi povu konscie vidi, vi devas ekdormigi orelon; por tio, ke interna mondo de pensoj ekmaldormu, vi devas ekdormigi eksterajn sentilojn; doloro en plej malgranda punkto povas elĉerpi preskaŭ tutan konscion de via animo. Ju pli multe disiĝas lumo de atento, des pli malforte ĝi heligas ĉiun detalon kaj ju pli forte ĝi heligos iun detalon, des pli multe malehliĝas ceteraj detaloj; enpensiĝi en ion egalas al ne atenti ceteron. Vian hodiaŭan maldormon vi dankas al via hieraŭa dormo; ju pli profunde vi ekdormas hodiaŭ, des pli vigle vi ekmaldormos morgaŭ kaj ju pli vigle vi maldormis, des pli profunde vi dormos.

Sed homo en ĝismorta vivo, se oni rigardos pli atente, dormos ĉiam nur neplenan, partan dormon, el kiu ree ekmaldormas tiu sama malnova homo, ĉar malnova homo ankoraŭ ekzistas; nur en morto dormas plenan tutan dormon, el kiu ekmaldormas nova homo, ĉar malnova homo ne ekzistas plu. Sed ekzistas ankoraŭ malnova regulo, kiu postulas anstataŭon de malnova konscio kaj krom tio ekzistas ankaŭ nova korpo kiel daŭrigo de malnova korpo; sekve *ekzistas* ankaŭ nova konscio kiel anstataŭo kaj daŭrigo de malnova konscio.

Kiel daŭrigo de malnova! Ĉar tio, kio igas korpon de maljunulo porti ankoraŭ daŭrigon de tiu sama konscio, kiun portis korpo de infano, kies nenia atomo estos plu en korpo de maljunulo, tio igos ankaŭ korpon transmortan porti ankoraŭ tiun saman konscion, kiun portis korpo de maljunulo, kies nenia atomo estas plu en korpo transmorta. Tio ĉi estas tial, ke ĉiu sekvanta korpo konservas en si pliefikojn, kaj eĉ konstruiĝas per ili, de tiu korpo, kiu portis antaŭan konscion. Sekve tiu sama principo daŭrigos ĝismortan hodiaŭan vivon en morgaŭan vivon kaj ĝismortan tutan vivon en transmortan vivon. Ĉu povas ekzisti alia krom eterna principo pri eterna vivo de homo? —

Plu ne demandu: kio kaŭzas tion, ke efikoj, kiujn dum ĝismorta vivo ni naskis en eksteran mondon kaj kiuj estas ekster kaj trans vi, apartenas ankoraŭ al vi pli ol ceteraj efikoj, kiuj estos ekster kaj trans vi? Tion ĉi kaŭzas tio, ke unuaj efikoj pli eliris el vi ol lastaj efikoj. Ĉiu kaŭzo retenas ĉe si siajn efikojn kiel eternan apartaĵon. Sed se vi rigardos pli atente, tiam vi trovos, ke viaj efikoj neniam iris ekster kaj trans vi; ĉar ili konsistigis jam en ĝismorta vivo daŭrigon de via estaĵo senkonscian sed atendantan vekiĝon en novan konscion.

Kiel homo, kiu jam vivis, neniam povas malviviĝi, tiel same homo, kiu jam ne vivis pli frue, neniam povas ekviviĝi; sed pli frue homo vivis ne por si. Konscio, kun kiu infano ekmaldormas ĉe sia naskiĝo, estas nur parto de ekzistinta deeterna komuna dia konscio, kiu en nova animo densiĝis ĝis vivo

---

1. Sendispute tiu ĉi leĝo simila al tiel nomata leĝo pri konservo de forto en korpoj dependas iel de tiu ĉi lasta leĝo laŭ fundamentaj rilatoj inter animo kaj korpo. Sed tiu ĉi dependeco estas ankoraŭ neklarigita t. e. leĝo pri konservo de konsciforto ankoraŭ ne estas deduktebla laŭ psiĥofizika metodo el leĝo pri konservo de korpoforto, ĉar fundamenta eco de psiĥofizika agado ne estas ankoraŭ klarigita. Sekve tiun ĉi leĝon oni devas memstare elkonduki el faktoj similaj al tiuj, kiuj sekvas en teksto. Per tio ĉi leĝo ne estas severe pruvata, sed ricevas tiom da verŝajneco, ke ĝi povas esti uzata en pripensadoj similaj al niaj.

por si. Ni kompreneble ne povas persekuti vivan forton de konscio tra ĉiuj ĝiaj vojoj kaj aliiĝoj tiel same kiel vivan forton de korpo.

Se vi timas, ke homa konscio, ĉar ĝi estas naskita de komuna konscio, ree disfluos en tiun ĉi komunan konscion, tiam rigardu arbon: pasis multaj jaroj antaŭ tio, kiam branĉoj kreskis el trunko; sed kreskintaj branĉoj ne pereas en trunkon. Se tio lasta okazus, tiam arbo ne povus kreski kaj disvolviĝi; ankaŭ vivarbo de mondo volas kreski kaj disvolviĝi.

Laŭ nia ĝisnuna pripensado granda arto konkludi el ĝismorta vivo en transmortan vivon konsistas el jeno. Ni devas konkludi nek el fondoj, kiujn ni ne konas, nek el supozoj faritaj de ni, sed el faktoj de ĝismorta vivo, kiujn ni konas, en pli grandajn kaj pli altajn faktojn de transmorta vivo. Per tio ĉi ni demalsupre firmigas kaj fundamentas kredon praktike postulatan kaj desupre dependantan de plej altaj interesoj de homaro kaj metas tiun ĉi kredon en vivan rilaton kun praktika vivo. Se kredo ne estus al ni utila, kiel ĝin fundamenti, sed kiel ĝi povus esti utila, kiam ĝi ne havus fundamenton? —

## ĈAPITRO DEKA.

Animo de homo estas disverŝita en-tra tuta lia korpo; ĉar ĝi rapide pereas, kiam animo estas foririnta el ĝi. Sed konscilumo de animo estas jen en tiu ĉi jen en tiu loko de korpo. (1)

Tuj en antaŭa ĉapitro ni vidis, ke konscilumo vojaĝadas en malvasta nia ĝismorta korpo por lumi alterne jen al okulo jen al orelo aŭ jen al interna jen al eksteraj sentiloj kaj ke ĝi ĉe morto vojaĝas tute el tiu ĉi koro tiel kiel tiu, kies malgranda dometo estos detruita, kie li dum longa tempo iradis; por ĉiam foriras en malproksimaĵon kaj komencas novan vojaĝadon. Morto metas nenian alian disigan muron inter ambaŭ vivoj ol ke ĝi igas animon ŝanĝi malvastan spacon je pli vasta spaco de vojaĝado. Kiel en ĝismorta vivo konscilumo estas ne samtempe ĉie, kie ĝi povas esti kaj kien ĝi povas distri sin, tiel same estos ankaŭ en transmorta vivo. Spaco por vojaĝado kaj ebla distro estas nur nedireble pli vasta, vojoj estas pli liberaj kaj rigardpunktoj pli altaj, enhavantaj en si ĉiujn malpli altajn rigardpunktojn de ĝismorta vivo.

Ni vidas, ke jam eĉ en ĝismorta vivo escepte kaj en maloftaj okazoj konscilumo vojaĝas el malplivasta sia korpo en plivastan kaj ree venas hejmen ricevinte sciigon pri tio, kio okazas en malproksima spaco aŭ tempo, ĉar longeco de estonteco estas fondita sur vasteco de estonteco. Subite malfermiĝas fendo en ordinare ĉiam fermita pordo inter ĝismorta kaj transmorta vivo kaj rapide ree fermiĝas; ĉar tiu pordo malfermiĝas tuta nur en morto kaj ankaŭ devas nur tiam malfermiĝi kaj post tio jam neniam fermiĝos. Malmulte utilas rigardi nur tra fendo. Sed escepto el ĝismorta vivregulo estos nur ekzemplo de pli granda vivregulo enhavanta en si samtempe ĝismortan kaj transmortan vivojn.

Okazas jam, ke malplivasta homa korpo sufiĉe profunde ekdormiĝas je unu flanko portis, ke je alia flanko ĝi povas ekmaldormiĝi en eksterordinara maniero trans sia limo; tamen korpo ne dormas tiel tute kaj profunde, ke ĝi neniam povas ree ekmaldormiĝi. Aŭ okazas, ke en plivasta korpo homa iu punkto estas eksterordinare forte ekscitita tiel, ke ĝi sendos en malplivastan korpon el ordinare atingebla malproksimeco efikon superantan sojlon de konscio. Per tio ĉi komencas mirindaĵoj de helegrigardo, de divenoj kaj de profetaj sonĝoj. Ĉiuj tiuj ĉi aferoj estas nur fabeloj, se transmorta korpo kaj transmorta vivo estas fabeloj, sed en kontraŭa okazo tiuj ĉi aferoj estas signoj de transmorta korpo kaj antaŭsignoj de transmorta vivo; kio havas signojn, tio ekzistas, kaj kio havas antaŭsignojn, tio efektiviĝos.

Tamen tiuj ĉi aferoj estos neniaj signoj de sana ĝismorta vivo. Ĝismorta vivo devas konstrui transmortan korpon nur por transmorta vivo, sed ne jam nun vidi per ĝia okulo kaj

---

1. Per scienca esprimo oni povas diri tion ĉi jen tiel : konscio ekzistas kaj maldormas ĉie kaj ĉiam, kie kaj kiam korpa ago, fundamento de anima ago, tiel nomata psiĥofizika ago superas tiun gradon de forteco, kiun oni nomas sojlo. Laŭ tio ĉi konscio okupas difinitan lokon kaj difinitan tempon. Suprajo en ondo de nia psiĥofizika ago kvazaŭ ŝanceliĝas de unu loko al alia kaj laŭ tio ankaŭ konscilumo aliigas sian lokon. Sed tiu ĉi ondsuprajo dum ĝismorta vivo ŝanceliĝas ĉiam en nia korpo, eĉ en malvasta parto de tiu ĉi korpo, kaj dum nia dormo malleviĝas tute sub sojlo kaj dum nia maldormo ree leviĝas super tiu ĉi sojlo.

aŭdi per ĝia orelo. Floro pereas, kiun oni devigas enflori antaŭ difinita tempo. Kvankam oni povas *subapogi* kredon pri transmorta vivo per kredo pri supre nomitaj signoj de translumo el transmorta vivo en ĝismortan vivon, tamen oni ne devas *fondi* unuan kredon sur lasta kredo. Sana kredo estas fondata sur fondoj de sana vivo kaj limigata per ĝiaj plej altaj rigardpunktoj, ĉar sana kredo mem apartenas al saneco de vivo kaj estas suprajo de ĝiaj plej altaj rigardpunktoj.

Ĝis nun vi eble opiniis, ke facila formo, per kiu mortinta aperas en via memoro, estas nur via interna ŝajnajo. Vi eraras; tio ĉi estas mortinto mem korpa, kiu kun konscio alvenas ne nur al vi, sed ankaŭ eniras *en vin*. Estinta korpa formo de mortinto restis ankoraŭ lia anima vesto; ĝi nur ne estas jam peza per lia estinta firma korpo kaj ne iradas jam malrapide kune kun tiu ĉi lasta korpo, sed ĝi estos travidebla, facila, senigita de tera pezeco kaj flugas momente jen tien ĉi jen tien laŭ voko de ĉiu, kiu alvokas al vi memvole, tiam vi estos devigata pensi kaj memori pri mortinto. Jus diritan firmigas ankaŭ malnova opinio, ke animoj de mortintoj aperas kiel eble en facila formo, senkorpaj kaj sendependaj de spacaj bariloj. Per tiu ĉi opinio oni kontraŭvole esprimis veron.

Eble vi estas ankaŭ aŭdintaj, ke oni parolis pri aperoj de spiritoj. Kuracistoj nomas tiujn ĉi aperojn fantasmoj, halucinacioj. Por vivuloj tiaj aperoj estas efektive fantaziajoj, sed samtempe ili estas ankaŭ efektivaj aperoj de tiel nomataj malvivuloj. Ĉar se estas jam efektivaj malpli helaj formoj en nia memoro, tiom pli efektivaj devas esti pli helaj aperoj de spiritoj. Oni ne devas plu disputi pri tio, ĉu aperoj de spiritoj estas efektivaj aŭ ĉu ili estas fantaziajoj. Vi ankaŭ ne devas jam timi pro aperoj de spiritoj, ĉar vi ja ne timas pri memoraj formoj en vi, kiuj ankaŭ estas aperoj de spiritoj.

Tamen timo pri aperoj de spiritoj ne estas sen ia fondo. Ĉar malsimile al tiuj memoraj formoj, kiujn vi mem vokis aŭ kiuj en interligon de via interna vivo eniras senbrue, paceme, helpante pluŝpini tiun ĉi interligon, venos kelkfoje spiritoj sen via voko, persekutos vin per nekontraŭstarebla forto, ŝajne aperante antaŭ vi, sed efektive irante en vin, pli multe ŝiregante teksaĵon de via interna vivo pluteksante ĝin. Ili estas malsanaj estaĵoj de ĝismorta kaj samtempe de transmorta vivo. Tiel ne devas komuniĝi malvivuloj kun vivuloj. Estas jam duonmorto de vivulo, ke li rigardas malvivulon proksimume tiel klare kaj objekte, kiel verŝajne malvivuloj mem rigardas sin reciproke; tial timegas kaj tremegas vivuloj ĉe tielaj aperoj de malvivuloj. Samtempe tio ĉi estas duona malleviĝo de malvivulo el regno super morto en regnon sub morto; tial ekzistas tradicia fabelo — ĉu ne pli ol fabelo? —, ke aperas nur tiaj spiritoj, kiuj ankoraŭ estas ne tute liberigitaj sed kiuj ankoraŭ estas kvazaŭ alforĝitaj per peza ĉenaro al ĝismorta vivo. Por forpeli tian malfeliĉegulon petu helpon de pli bona kaj pli forta spirito; plej bona kaj plej forta do estas Dio, spirito en kaj super ĉiuj ceteraj spiritoj. Kiu povas malutili al vi, se Dio vin ŝirmas. Fabelo diras revon ankaŭ per tio, ke ĉiu malbona spirito forflugas, kiam oni alvokas Dion.

Sed ekzistas danĝero, ke en tiuj ĉi aferoj de spirita malsaneco kredo fariĝas superstiĉo. Plej simpla rimedo por ŝirmi sin kontraŭ apero de fantomoj konsistas en tio, ke oni ne pensas eĉ ne kredas pri eblo de tiu ĉi apero; ĉar pensi aŭ kredi pri ebla apero de fantomoj signifas iri renkonten al ili je duono de vojo.

Kiel verŝajne malvivuloj mem rigardas sin reciproke, ni diris supre. Efektive tiu sama apero, kiu estas kontraŭ ordo de ĝismorta vivo, estas nur ekzemplo, kvankam tro frua, laŭ ordo de transmorta vivo. Hele, plene, klare kaj objekte aperas unu al alia loĝantoj de transmorta regno en tiu formo kies malfortan similaĵon, malheletan pentraĵon ni havas en memoro pri ili; ĉar ili penetras unu en alian per tuta plena estaĵo, kies malgranda parteto nur eniras en ĉiun de ni, kiam ni memoras pri ili. Kiel en ĝismorta vivo tiel ankaŭ en transmorta vivo estos necesa nur atento direktita al apero por havi ĝin.

Eble vi demandos: kiel tio estas ebla, ke tiuj, kiuj trapenetras unu alian, tamen aperas unu al alia objekte kaj limigite? Sed pli frue demandu: kiel tio estas ebla, ke tio, kio eniras en vin kiel apero de vivulo kaj kio penetras en vian cerbon ĉe memoro pri malvivulo — nenion alian havas via animo kiel fundamenuton — tamen ŝajnas al vi objekta sentpentraĵo aŭ limigita memoraĵo? Kvankam efiko mem, sur kiu memoro apogas sin, ne estos jam limigita, tamen ĝi spegulas por vi ankoraŭ limojn de formo, el kiu ĝi komence

eliris. Vi ne scias pri ĝismorta vivo, kial io estas; sekve tiom pli vi ne povas scii tion ĉi pri transmorta vivo.

Mi ripetas: konkludu nek al fondoj de ĝismorta vivo, kiujn vi ne scias, nek el supozoj faritaj de vi, sed el faktoj de ĝismorta vivo, kiujn vi scias, en pli grandajn kaj pli altajn faktojn de transmorta vivo. Unu detala konkludo povas esti erara, ankaŭ tiu konkludo, kiun ni tuj faris; sekve ne haltu persiste ĉe ia detalo. Kunligo kaj konsento de ĉiuj konkludoj direktataj al tio, kion ni devas postuli antaŭ kaj super ĉiu konkludo, estas plej bona subapogo de nia kredo malsupre kaj plej bona kondukanto supren.

Se vi estus kompreninta en vera maniero kredon de supre, tiam vi facile iros kredvojon malsupren, kiun ni iris demalsupre — supren.

### ĈAPITRO DEKUNUA.

Kiel facile homo povus kredi ĉion supre diritan, se li nur povus kutimiĝi vidi en vortoj, per kiuj li ludos jam de pli ol mil jaroj, pli ol nurajn vortojn, nome en vortoj: *homo vivadas, agadas kaj ekzistas en Dio.* Tiam estus kredo pri eterna vivo de Dio kaj kredo pri eterna vivo de homo nur unu afero. Tiam homo komprenus, ke eterna vivo de si mem apartenas al eterna vivo de Dio kaj ke alteco de lia transmorta vivo super sia ĝismorta vivo estas nur pli alta konstruaĵo super malpli alta en Dio simile al tio, ke li mem havas tian konstruaĵon en si mem; li komprenus per malgranda ekzemplo pli altan regulon kaj per interligo de ekzemplo kaj regulo tutaĵon, kies parto nur estas homo.

Sentpentraĵo en vi disfluas kaj el ĝi leviĝas memoraĵo en vi; via tuta vivo de sentpentraĵoj disfluas en Dion kaj el ĝi leviĝas via pli alta vivo de memoraĵoj en Dio. Kiel memoraĵoj en via kapo tiel spiritoj de transmorta vivo komuniĝas inter si en Dia kapo. Transmorta vivo estas nur unu ŝtupo super alia ŝtupo de tiu sama ŝtuparo, kiu kondukas ne al Dio sed en Dion supren en kiu ekzistas samtempe fundamento kaj supraĵo. Kiel malplena estis Dio pensita per nura malplena vorto kaj kiel riĉa estas Dio pensata per plena senco de vorto.

Ĉu vi scias, kiel kaj kial estas ebla transmorta vivo de memoraĵoj en via kapo? Vi scias nur tion, ke ĝi efektive ekzistas; tamen nur en spiritoj ĝi estas ebla. Sekve vi povas facile kredi, kvankam vi ne scias ĝian eblecon, ke efektive ekzistas transmorta vivo de via tuta spirito en pli alta spirito; vi devas nur kredi, ke pli alta spirito ekzistas kaj ke vi ekzistas en li.

Ree kiel facile homo povas kredi ĉion diritan, se li nur povus kutimiĝi vidi ankaŭ veron en vortoj: *Dio vivadas, agadas kaj ekzistas en tuta universo.* Tiam homo konstruas sian transmortan korpon ne el malviva sed el viva per Dio mondo kaj li konstruas kvazaŭ novan domon en domon de Dio.

Kiam do tiu ĉi viviganta kredo viviĝas? Ke ĝi vivigas, tio ĝin vivigos.

### ĈAPITRO DEKDUA.

Vi demandis pri ĉu (ekzistas transmorta vivo), mi respondis per kiel (ekzistas transmorta vivo). Kredo faras superflua demandon pri ĉu; sed kiam malgraŭ tio oni demandas ĉu, tiam ekzistas nur unu respondo per kiel; ĝis kiam ne estos plene klarigita kielo, demando pri ĉuo ne ĉesas foriradi kaj revenadi.

Jen staras arbo; verŝajne multaj folioj de ĝi defalos, sed ĝia fundamento kaj interligo estas firma kaj bona. Arbo elkreskigos ĉiam novajn branĉojn kaj ĉiam defalos novaj folioj, sed ĝi mem jam neniam falos kaj kreskigos floron de beleco kaj, anstataŭ havi radikojn en kredo, maturigos fruktojn de kredo.

GUSTAV TEODOR FECHNER.

Trad. el germana P. KADIK.

# SIMPLA METODO DE LA AGRONOMIA PROFITKALKULADO

ANTAŬPAROLO.

Per tiu ĉi libreto, resumanta mian rusan pligrandampleksan laboron, mi faras unuan provon de la internaciigo de unu nova penso per la helpo de la lingvo esperanta.

Ne estante profesia librotenadisto (mi devas esti inĝeniero pro mia lernado) mi fariĝis okaze, sed jam delonge, agronomiisto. En la komenco de mia mastrumado mi estis devigita per la praktika bezono ellerni agronomian librotenadon — tiun ĉi malŝatitan branĉon de la almetita matematiko. Kompreno de la lingvoj: franca, germana kaj pola, permesis al mi konatiĝi kun alilanda literaturo en tiu ĉi fako kaj 20-jara praktika sperto helpis kritiki ĝiajn teoriajn malsencaĵojn, se mi ilin trovis.

El tralegitaj (pli ol cent) libroj mi povas citi nur du kiel ŝatindajn: franca « Traité pratique de comptabilité agricole. Mignot 1892 » kaj polan « Nauka rachunkowości do potrzeb gospodarstwa wiejskego zastosuwanej. Dr Juliusz Au, Lwow, 1889. » — Ĉiuj aliaj donis al mi preskaŭ nenion.

Sed la libroj de Miguot kaj Au min ankaŭ ne kontentigis: ili enhavas multajn brilantajn pensojn, estas skribitaj klare kaj logike, sed iliaj aŭtoroj, ne estante praktikaj mastroj, ne pripensis detale pri la *celoj* de la agronomia librotenado kaj lasis netuŝita duoblan italan sistemon de la enskriboj, kia estas tute superflua kaj neakceptebla en praktikaj agronomiaj mastraĵoj. Pro kiaj gravaj kaŭzoj mi faras tiun ĉi lastan ribelan konfirmon — la leganto sciiĝos el du sekvantaj ĉapitroj.

Post longdaŭra pena esplorado kaj plibonigo mi alvenis al la sekvantaj radikaj ennovaĵoj:

1) Mi enskribas en la profitkalkuladon ĉiujn enspezojn kaj elspezojn de la bienaj havaĵoj nur *unuoble*, kaj tamen ricevas tre simplan kaj precizan matematikan *bilancon* de tiuj ĉi enskriboj. [1]

2) Forigo de la duoblaj enskriboj donis al mi la eblecon forpeli el la profitkalkulado ĉiujn, tiel nomatajn, *helpantajn kalkulojn* (de la mono, ŝuldoj kaj komercaĵoj) — pro kaŭzo de ilia plena malbezono.

3) Pro la sama kaŭzo estas forigita el la kalkuloj ĉiuj *artaj metodoj de la taksigo de bienaj havaĵoj*, kiajn mi anstataŭas nure kaj sole per la komerca taksigo.

Kiel fina rezultato de tiaj aliiĝoj aperis tre granda mallongiĝo de la profitkalkulada laboro, permesanta ĝian uzadon al ĉiuj agronomiistoj, eĉ al tute nesciantaj nuntempajn teoriojn de la librotenado.

## ĈAPITRO I.

*Simpla metodo de la profitkalkulado.*

Dum 12 jaroj mi uzas mian metodon de la profitkalkulado en unu riĉa bieno, havanta

---

1. Duobla (itala) sistemo de enskriboj estas unu speco de la idola religio ĉe profesiaj librotenadistoj. Blindigitaj pee la utilc de la matematike preciza bilanco, ili sankte honoras ĝin, tute ne demandante pri logika pensado. Sed matematika bilanco neniel estas privilegio de la duobla sistemo kaj povas esti ricevata ankaŭ bone per aliaj rimedoj. Tion oni povas vidi el la sekvanta tabelo :

| Enspezoj | | Elspezoj | |
|---|---|---|---|
| Resto da mono en la komenco de la 1905-jaro . . . . . . | 5 fr. | Sumo de la elspezoj dum 1905-jaro . . . | 15 fr. |
| Sumo de la enspezoj dum 1905-jaro . . . | 20 » | Resto da mono en fino de la 1905-jaro . . . | 10 » |
| Resumo. . | 25 fr. | Resumo. . | 25 fr. |

Le enskriboj de tiu-ĉi tabelo estas egalsignitaj al la aritmetika egalaĵo :

$$5 + 20 = 15 + 10,$$

kaj ĝia bilanco (25 fr.) estas simpla sekvo de tiu ĉi lasta.

2,000 hektarojn de la tero, kies bilanco[2] atingas 800,000 da frankoj. Por la kalkula laboro farata per mi mem (mastro de la bieno), mi bezons nur *unu semajnon* ĉiujare. Ĉiujn necesajn materialojn donas al mi la sola kontoristo, servanta en la biena kontoro.

La kontoristo gvidas la librojn: monan, ŝuldan, materialan, paglibron de taglaboristoj, libron por la enskribo de la faritaj laboroj kaj la librojn de la biena inventaro (kies parto estas la brutlibro). La pago de la salajro al la servistoj fariĝas per la helpo de ĉiumonataj registroj.

Ĉiumonate li faras, laŭ libraj enskriboj, sistemajn raportojn, necesajn por la kontrolo de la libronetado kaj de la mastraĵo. Unufoje en jaro el tiuj ĉi monataj raportoj estas farata jara raporto, servanta kiel materialo por la ĉiujara profitkalkulado.

La ĉiujara raporto konsistas el 5 apartaj raportoj, nome: 1) mona, 2) ŝulda, 3) de la faritaj laboroj, 4) materiala kaj 5) de la ŝanĝoj de la biena inventaro (bruto, maŝinoj kaj iloj).

Du unuaj el suprenomitaj raportoj (kaj parto de la 3-a) estas kalkulitaj en mono, ĉiaj liaj enhavas nur la naturajn mezurojn (nombrojn de la tagoj, mezurojn de la longeco, amplekso, pezo, nombrojn de la objektoj, k. t. p.) Por fari el tia miksaĵo da mezuroj la profitkalkulon mi devas taksigi ĉiujn ciferojn per mono. Kiel tio ĉi estas farata mi montros poste (en dua kaj tria ĉapitroj), sed nun, faciligante la komprenon de la kalkula metodo, nenion diras pri la taksigo, supozante ĝin en la sekvantaj ekzemplaj raportoj jam faritan, sufiĉe precizan kaj tute nedisputeblan.

Farinte tian supozon mi povas skribi la suprediritajn 5 raportojn en tiu ĉi skiza formo:

**MONA RAPORTO DE LA 1904-5-JARO**

| Enspezoj | | Elspezoj | |
|---|---|---|---|
| *Resto* da mono en la komenco de la 1904/5 jaro ...... | 92 fr. | Diversaj *entreprenoj* konsumis (detale) tiajn kaj tiajn elspezojn .... | 22 fr. |
| Diversaj agronomiaj: *Entreprenoj* (detale nomitaj) donis daŭre de la 1904/5 jaro. . | 8 » | *Materialoj.* Estas aĉetitaj por ... | 28 » |
| *Materialoj* estas venditaj por .... | 45 » | *Ŝuldoj.* Estas pagitaj al la diversaj personoj..... | 25 » |
| *Ŝuldoj.* Estas enspezita la movo de la diversaj ŝuldantoj..... | 10 » | Sume. . . | 75 » |
| Sume. . . | 155 fr. | *Resto* da mono en la *fino* de la 1904/5 jaro...... | 80 » |
| Bilanco . | 155 fr. | Bilanco . | 155 fr. |

**ŜULDA RAPORTO DE LA 1904-5 JARO**

| Enspezoj | | Elspezoj | |
|---|---|---|---|
| *Resto* da ŝuldoj de la diversaj personoj al la mastraĵo (el kiu estas deprenita la resto de ŝuldoj de la bieno al la diversaj personoj *) en la *komenco* de la 1904/5 jaro...... | 20 fr. | | |
| Diversaj *entreprenoj* (detale nomitaj) pligrandigis la ŝuldojn de la diversaj personoj al la bieno por. . | 100 » | Diversaj *entreprenoj* (detale) postulis la pligrandigadon de la ŝuldoj de la bieno al diversaj personoj por sumo de. . . | 80 » |
| *Materialoj.* Por la diversaj materialoj oni ŝuldiĝis al la mastraĵo . . | 200 » | *Materialoj.* Estas aĉetitaj prunte de la diversaj personoj la materialoj por la sumo. | 60 » |
| *Mono.* Estas pagitaj al diversaj personoj prunte | 25 » | *Mono.* Estas ricevitaj de la diversaj ŝuldantoj . . | 10 » |
| Sume. . . | 345 fr. | Sume. . . | 150 fr. |
| | | *Resto* da ŝuldoj de la diversaj personoj al la mastraĵo en fino de la 1904/5 jaro (el kiu estas deprenita la resto de la niaj ŝuldoj al diversaj personoj) . . | 195 » |
| Bilanco. . | 345 fr. | Bilanco. . | 345 » |

*) *Rimarko.* La depreno de la neiga resto fariĝas nur en skiza raporto, — en la efektiva ĝi staras simple sur la dekstra flanko (en la elspezoj). Same (sed male) estas por la finjara ŝuldresto.

2. Koncernanta nur *ageman* kapitalon.

**RAPORTO PRI LA LABOROJ DE LA MASTRAĴAJ LABORISTOJ, TAGLABORISTOJ KAJ BRUTO EN LA 1904-5 JARO**

| Enspezoj | Elspezoj |
|---|---|
| *Agronomiaj entreprenoj* (en tio-ĉi okazo nur unu nome : *havado de la mastraĵa labora forto*) donis tiom da tagaj de la ĉevala laboro, taksita tiel ; — tiom da tagoj de laborista laboro, taksitaj tiel kaj tiel k. t. p. . 154 fr. | *Agronomiaj entreprenoj* (detale) postulis tiom kaj tiom da tagoj de la laboro, taksita (detale). 154 fr. |
| Bilanco. . 154 fr. | Bilanco. . 154 fr. |

*Rimarko.* Tiu ĉi raporto havas neniajn enkaj elspezojn de la helpantaj kalkuloj, ĉar la laboro de la mastraĵa forto neniam aĉetiĝas (estas farata en la mastraĵo) kaj nur en tre maloftaj okazoj povas esti vendata al aliaj personoj. Ĝi tute ne havas ankaŭ (ĉar tiaj havaĵoj ne estas konservebla) la komenc- kaj finjarajn restaĵojn. La aĉetadon de la taglaborista laboro mi enskribas (sumacifere) inter ŝuldoj kaj tie ĉi restas nur ĝia detala priskribado (kiel klariga aldono al ŝulda raporto), anstataŭanta en la profitkalkula kajero sian suman enskribon.

**MATERIALA RAPORTO DE LA 1904-5 JARO**

| Enpsezoj | Elspezoj |
|---|---|
| *Resto* da materialoj (detale) en la komenco de la 1904-5 jaro kostas. 85 fr. | |
| *Agronomiaj entreprenoj.* Diversaj enentreprenoj (detale) donis tiajn kaj tiajn materialojn, taksitajn. . . . . 180 » | *Agronomiaj entreprenoj* (detale) postulis elspezojn de tiaj kaj tiaj materialoj por la sumo . . . 67 fr. |
| *Mono.* Estas aĉetitaj materialoj por la sumo de. 28 » | *Mono.* Estas venditaj diversaj materialoj por la sumo de. . . 45 » |
| *Ŝuldoj.* Estas aĉetitaj la materialoj prunte por la sumo de. 60 » | *Ŝuldoj.* Estas venditaj diversaj materialoj por la sumo de. . . 200 fr. |
| Sume. . . 353 fr. | Sume. . . 312 fr. |
| | *Resto* da materialoj (detale) en la fino de la 1904/5 jaro kostas . . . . 41 » |
| Bilanco. . 353 fr. | Bilanco. . 353 fr. |

**RAPORTO PRI ŜANĜOJ DE LA BRUTO, MAŜINOJ KAJ ILOJ EN LA 1904-5 JARO**

| Enspezoj | Elspezoj |
|---|---|
| *Agronomiaj entreprenoj* (detale) donis tian kaj tian havaĵon, taksitan sume. . 75 fr. | *Agronomiaj entreprenoj* (detale) postulis elspezojn de tiaj kaj tiaj havaĵoj por la sumo de. . . 50 fr. |
| | *Pligrandiĝo* de la kosto da bruto, maŝinoj kaj iloj en *fino* de la 1904/5 jaro. . . . . . 25 » |
| Bilanco. . 75 fr. | Bilanco. . 75 fr. |

*Rimarko.* Tiu ĉi raporto havas neniajn helpantajn kalkulojn (de la mono, ŝuldoj kaj materialoj), ĉar la aĉeton kaj vendadon de la bruto, maŝinoj kaj iloj mi enskribas en la mon- kaj ŝuld-librojn rekte pro kostoj de tiaj entreprenoj, por kiaj ili estas faritaj. Ekzemple: vendadon de la bruto mi enskribas kiel monenspezon donitan per la brutaro k. t. p. Detalan priskribon de tiu ĉi havaĵo en la komenc- kaj fin-jarajn restojn mi tute forigas el la kalkulado kaj anstataŭas ĝin per la enskriboj de ĝiaj ŝanĝoj. Mi klarigos tion en la 2-a ĉapitro.

Du unuaj raportoj (mona kaj ŝulda) estas egale kredindaj, ĉar ili enhavas neniajn taksigojn kaj koncernas nur monon. Sed tio ĉi ne estas sama en tri lastaj raportoj, kies taksigo, kia ajn preciza ĝi estas, povas ŝajni

dubebla por fremdaj okuloj. Estas do grava por la kredindeco de la profitkalkulo disigi la enskribojn de tiuj ĉi raportoj en apartajn kolorojn, ne miksante ilin kune. Mi enskribas ĉiujn 5 raportojn aparte, kio, ne estante esence necesa, tre faciligas tamen la laboron dela kalkulado, disigante ĝin en apartaj, facile fineblaj, laboroj.

Kajero de la profitkalkulo havas paĝojn tiel liniigitajn :

| Enspezoj | Mono | Ŝuldoj | Laboroj | Materialoj | Aldonoj | Sume | Elspezoj | Mono | Ŝuldoj | Laboroj | Materialoj | Aldonoj | Sume |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | | | | | | | | | |

Kolono 5-a portas nomon de la « Aldonoj » kaj servas prefere per la enskribo de la ŝanĝoj de la bruto, iloj kaj maŝinoj.

La paĝoj de tiu ĉi kajero nomiĝas per nomoj de tiaj agronomiaj entreprenoj, kiujn la mastraĵo enhavas. En nia skiza ekzemplo ni vidas sekvantajn nomojn: 1) *Restoj de la havaĵo en la komenco de la jaro;* 2) *Diversaj agronomiaj entreprenoj* (en unu efektiva profitkalkulo ili okupas 10 aŭ pli da paĝoj, portantaj la nomojn: semado, herbejoj, brutaro, arbaroj k. t. p. Elspezojn por la posedanto de la bieno, por la mastraĵa labora forto kaj elspezojn komunajn al la tuta bieno mi konsideras ankaŭ kiel konsumoj por la apartaj entreprenoj); kaj 3) *Restoj de la havaĵo en la fino de la jaro.*

La kajero de la profitkalkulo havas poste la enskribon de la mona raporto tiun ĉi vidaĵon:

## Havaĵo en la komenco de la jaro

| Enspezoj | Mono | Ŝuldoj | Laboroj | Materialoj | Aldonoj | Sume | Elspezoj | Mono | Ŝuldoj | Laboroj | Materialoj | Aldonoj | Sume |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Restoj de la havaĵo en la komenco de la 1904/5 jaro. | 92 | | | | | | | | | | | | |

## Diversaj entreprenoj

| Enspezoj | Mono | Ŝuldoj | Laboroj | Materialoj | Aldonoj | Sume | Elspezoj | Mono | Ŝuldoj | Laboroj | Materialoj | Aldonoj | Sume |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Daŭre de la 1904/5 jaro (detale) . . . . | 8 | | | | | | Daŭre de la 1904/5 jaro (detale) . . . . | 22 | | | | | |

Havaĵo en la fino de la 1904-5 jaro

| Enspezoj | Mono | Ŝuldoj | Laboroj | Materialoj | Aldonoj | Sume | Elspezoj | Mono | Ŝuldoj | Laboroj | Materialoj | Aldonoj | Sume |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | | | Restoj de la havajo en la fino de la 1904/5 . . . . . . . . | 80 | | | | | |

Kiam la enskribo de la mona raporto estas farita, mi konvinkiĝas pri la precizeco de la enskriboj per la sekvanta bilanca tabelo, en kiun mi enskribas ankaŭ (sed sole per samaj nombroj) helpantajn kalkulojn de la mona raporto, t. e. spezojn materialajn kaj ŝuldajn. La leganto rimarku, ke *en la profitkalkuladan kajeron mi tute ne enskribas tiujn ĉi ciferojn.*

Tabelo de la Bilanco

| | Enspezoj | | | | | | Elspezoj | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | Mono | Ŝuldoj | Laboroj | Materialoj | Aldonoj | Sume | Mono | Ŝuldoj | Laboroj | Materialoj | Aldonoj | Sume | Profito | Malprofito |
| Komencjara havajo | 92 | | | | | | — | | | | | | | |
| Diversaj entreprenoj | 8 | | | | | | 22 | | | | | | | |
| Finjara havajo | — | | | | | | 80 | | | | | | | |
| Mono | — | | | | | | — | | | | | | | |
| Ŝuldoj | 10 | | | | | | 25 | | | | | | | |
| Materialoj | 45 | | | | | | 28 | | | | | | | |
| Bilanco | 155 | | | | | | 155 | | | | | | | |

Enskribinte tiamaniere la monan raporton, mi enskribas unu post alia la raportojn: ŝuldan, la boran, materialan kaj fine — la raporton pri la ŝanĝoj de la bruto kaj maŝinoj. Ĉiufoje, post la fino de la enskribo de unu el raportoj sekvas provo de ĝia precizeco per la bilanco. Fine la kajero kaj la bilanca tabelo ricevas sekvantan vidaĵon:

Havaĵo en la fino de la 1904-5 jaro

| Enspezoj | Mono | Ŝuldoj | Laboroj | Materialoj | Aldonoj | Sume | Elspezoj | Mono | Ŝuldoj | Laboroj | Materialoj | Aldonoj | Sume |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | | | Restoj de la havaĵo en la fino de la 1904/5 jaro. . . . . | 80 | 195 | — | 41 | 25 | 341 |
| Sume | 100 | 120 | 154 | 265 | 75 | 714 | Sume | 102 | 275 | 154 | 108 | 75 | 714 |

## Havaĵo en la komenco de 1904-5 jaro

| Enspezoj | Mono | Ŝuldoj | Laboroj | Materialoj | Aldonoj | Sume | Elspezoj | Mono | Ŝuldoj | Laboroj | Materialoj | Aldonoj | Sume |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Restoj de la havaĵo en la komenco de la 1904/5 jaro. . . | 92 | 20 | — | 85 | — | 197 | | | | | | | |

## Diversaj entreprenoj

| Enspezoj | Mono | Ŝuldoj | Laboroj | Materialoj | Aldonoj | Sume | Elspezoj | Mono | Ŝuldoj | Laboroj | Materialoj | Aldonoj | Sume |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Daŭre de la 1904/5 jaro (detale). . . . | 8 | 100 | 154 | 180 | 75 | 517 | Daŭre de la 1904/5 jaro (detale). . . . | 22 | 80 | 154 | 67 | 50 | 373 |

## Tabelo de la Bilanco

| | Enspezoj | | | | | | Elspezoj | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | Mono | Ŝuldoj | Laboroj | Materialoj | Aldonoj | Sume | Mono | Ŝuldoj | Laboroj | Materialoj | Aldonoj | Sume | Profito | Malprofito |
| Komencjara havaĵo | 92 | 20 | — | 85 | — | 197 | — | — | — | — | — | — | 197 | — |
| Diversaj entreprenoj | 8 | 100 | 154 | 180 | 75 | 517 | 22 | 80 | 154 | 67 | 50 | 373 | 144 | — |
| Finjara havaĵo | — | — | — | — | — | — | 80 | 195 | — | 41 | 25 | 341 | — | 341 |
| Mono | — | 25 | — | 28 | — | 53 | — | 10 | — | 45 | — | 55 | — | — |
| Ŝuldoj | 10 | — | — | 60 | — | 70 | 25 | — | — | 200 | — | 225 | — | — |
| Materialoj | 45 | 200 | — | — | — | 245 | 28 | 60 | — | — | — | 88 | — | — |
| Bilanco | 155 | 345 | 154 | 353 | 75 | 1082 | 155 | 345 | 154 | 353 | 75 | 1082 | 341 | 341 |

Rigardante la ciferojn skribitajn *sub la kajero* (vidu antaŭan paĝon) ni rimarkas ke ĝia fina resumo (714 fr) bilanciĝas sur ambaŭ flankoj, malgraŭ malegaleco de la apartaj resumoj (mona, ŝulda k t. p.) Tia eco de resumoj permesis al mi forigi la enskribojn de de la helpantaj kalkuloj el la kajero. Kiel vi vidas el la bilanca tabelo ĉiuj helpantaj kalkuloj bilanciĝas aparte unu kontraŭ alia, ĉar la mono, elspezita por la aĉeto de la materialoj aĉetitaj per mono k. t. p. Tio ĉi estas la kaŭzo de la fina bilanciĝado de la kajero sen enskribo de la helpantaj kalkuloj.

Du lastaj kolonoj de la bilanca tabelo montras, ke, en tiu ĉi ekzemplo, oni ricevis 144 fr. da profito, kia restis tuta en mastraĵo, pligrandigante per tio la koston de la finjara resto de la havaĵo.

Priskribita ekzemplo, estante skiza, montras sole la esencon de mia metodo kaj pro tio ne povas ankoraŭ doni al la leganto la impreson de ĝia vera simpleco kaj praktikeco, kiaĵn havas la profitkalkulado de unu efektiva mastraĵo.

### CAPITRO *II*.

### *La taksigo de la kalkuliĝontaj havaĵoj.*

Estas neevitebla taksigi mastraĵajn havaĵojn antaŭ profitkalkulado. Neeble estas lumigi metrojn kaj kilogramojn, el kubmetrojn depreni frankojn k. t. p. Sed en agronomia profitkalkulado oni devas ĉiam komparadi enspezojn de tiaj kaj tiaj nombroj de la kilogramoj da greno aŭ alia materialo kontraŭ elspezoj de la tia kaj tia nombro da frankoj, tagoj de la laboro kaj diversaj mezuroj kaj pezoj de la plej diversaj obektoj kaj materialoj.

Tiamaniere la profitkalkulanto devas antaŭ ĉio solvi tre strangan (je la aritmetika vidpunkto) temon — kompari la nekompareblajn nombrojn.

Aritmetiko ŝatas tiun ĉi temon nesolvebla, se ĝi enhavas neniajn montrojn, servantajn al la egaligo de ĉiuj donitaj nombrnomoj; sed la librotenado donas, por solvi tiun ĉi temon, apartan manieron de la agado, similan al observado kaj mezurado de la naturaj aperoj kaj konsistantan en la *taksigo* aŭ imaga mezurado de la prezo de la objektoj per unu komuna al ĉiuj objektoj, mezuro — monero. Franko aŭ alia monero estas, por la profitkalkulanto, universala mezuro, egalnomiganta ĉion: grenon kaj lignon, pajlon kaj farunon.

La profitkalkulado kalkulas do neniel la partojn de la biena havaĵo, sed nur ilian koston en frankoj kaj centimoj, pro kio la nomoj mem de la diversaj havaĵoj fariĝas en esenco malgravaj por la kalkulanto.

Kutime oni nomas per la « taksigo » ĉiam difinon de la kosto, sed, ĉar per tia diro nenio klariĝas, estas tute ne mirinde ke la malkompreno de tiu ĉi signifo faris vere babilonan miksaĵon el vortoj kaj pensoj.

Kio do estas la taksigo?

*Taksigo* estas *diveno* de la nombro da frankoj kaj centimoj — aŭ aliaj moneroj, kian ni ni *povus* ricevi por la taksata objekto, *se ni volus* ĝin efektive vendi.

Esence diversa ago, kiam la vendo aŭ la aĉeto estis *efektive* farata kaj por la vendita objekto estas sendube ricevita tiom da moneroj, ne estas taksigo, sed la simpla *matematika kalkulo de la prezo* (per helpo de la 4 agoj de la ordinara aritmetiko, al kiu ni lasas do ĉiujn zorgojn kaj respondecon en tiu ĉi okazo.)

Por la taksigo de ia ajn objekto, ni komparas ĝian imagan vendon kontraŭ efektivaj komercaj vendoj pro samaj objektoj, faritaj en similaj lokoj kaj tempo. Sciante, ekzemple ke nia najbaro vendis la grenon po 10 fr. la hektolitron, ni konkludas, ke ni ankaŭ, pro nevendita per ni aveno de la sama boneco, povus ricevi en sama tempo saman prezon. Okulvideble estas — ke, des pli estas granda la nombro de la komparataj efektivaj vendoj, des pli preciza estos la taksigo.

Afero estas klara kaj simpla: ni devas taksigi ĉiujn objektojn po tia prezo, kian aliaj homoj povus al ni pagi. Ĉiuj aliaj konsideroj estas tie ĉi superfluaj: ni ne havas rajton taksigi portreton de la amata per ni persono per multaj miloj da frankoj, sole pro tio, ke ĝi estas kara *al ni*, kaj, se ni ĝin taksigas, ni devas ĝin taksi per malmultaj centimoj, se neniu donus pro ĝi plie. Ĉu ĝi estas necesa, aŭ ne, en nia mastraĵo — tio ĉi estas alia demando: briliantoj, ekzemple, estas malbezonaj en unu agronomia mastraĵo, kvankam tre multekostaj; la sterno estas treege utila, kvankam tre malkara.

Tiel ni, prakikuloj agronomiistoj, ĉiam pensis, sed nun alvenas al nia disputo scienculo librotenadisto kaj komencas tute alie paroli. « El la difino de la taksigo mem », diras li, « sekvas, ke la taksigo estas ebla nur tiam, kiam komercaj vendoj, servantaj por la komparado kontraŭ imaga, estas konataj. Tio ĉi estas vera. Sed en niaj bienoj estas ankaŭ tiaj havaĵoj, kiaj estas neniam vendataj aŭ estas vendataj nur malofte kaj en tute malkompareblaj cirkonstancoj. »

« Nekomercaj produktaĵoj (ekzemple sterno aŭ pajlo), tero, uzitaj maŝinoj kaj iloj, kaj ordinare ankaŭ la brutaro (t. e. tuta morta kaj nemalgranda parto de la agema kapitalo, estas pro tio tre malfacile — aŭ tute netakseblaj laŭ efektivaj komercaj vendoj. »

« Itala duobla librotenado (sole vera!) ne povas forlasi la taksigon de tiuj ĉi objektoj: ĝi devas necese, (laŭ ĝiaj reguloj), elkalkuli *tutan* komencjaran kapitalon de la bieno, aldoni al ĝi *ĉiujn* enspezojn, ricevitajn daŭre de la tuta jaro, depreni *ĉiujn* elspezojn, kaj, nur tiamaniere, ĝi povas atingi ĝian finan kaj ĉefan celon: la elkalkulon de la *tuta* kapitalo en fino de la jaro.

El lastaj vortoj sekvas sendube, ke itala metodo de la profitkalkulado, prenita senŝanĝe el la komerca librotenado, ne taŭgas por unu agronomiisto kaj devas esti aŭ anstataŭata per ia alia, aŭ radike reformita laŭ postuloj de la agronomia librotenado[3]. Sed ne pensante profunde pri tio, kion ili esence faras kaj ne konfuziĝante per la krianta malsencaĵo *serĉi la prezojn de la nevendeblaj objektoj*, sinjoroj scienculoj komencis trudi sian cerbon trovante diversajn imitaĵojn de la vera taksigo.

Tiajn imitaĵojn, aŭ pli vere, falsaĵojn oni nun elpensis sufiĉe multajn, pli multajn, tutokaze, ol kiom ilia povas konservi la bona senco de unu homo, ne freneziĝinta ankoraŭ je itala librotenado. Tiamaniere aperis la taksigoj aŭ mezaj prezoj dum difinita spaco da tempo, laŭ ĥemia enhavo de la materialoj, laŭ ilia utileco por la mastraĵo kaj fine preskaŭ laŭ aparta favoro al la objektoj de la taksigisto mem.

Unua, kiu provis ordigi tiun ĉi ĥaoson de la taksigoj, estis, se mi ne eraras, pola profesoro Au. Koncerne la forto kaj klareco de la kritika esplorado de la falsaj taksigoj mi ne scias ian verkon, egalan al lia libro,[4] kaj forsendas al ĝi miajn legantojn, al kiuj eble ne sufiĉos miaj klarigoj; mi mem citos nur sekvantan mallongigitan raporon pri liaj konsideroj.

---

3. Ĉefa celo de la simpla agronomia librotenado estas la kontrolo de la konservado kaj de la saĝa uzado de ĉiuj bienaj havaĵoj. La profitkalkuloj havas sian apartan celon — detale kontroli la saĝecon de la mastruma entreprenado. La samtempe elkalkulo de la tuta biena kapitalo havas aur tre malgrandan signifon por unu agronomiisto.

4. Nanka rachunkowości do potrzeb gospodarstwa wiejkiego zastosowanej. D-r Juliusz Au. Lwow, 1889.

Taksigante la nekomercajn objektojn *laŭ ilia ĥemia enhavo,* diras Au, oni miksigis ideojn pri aĉetado-vendado, aŭ elŝanĝo laŭ ŝanĝa kosto, kune anstataŭado de la objektoj unu per alia, laŭ aliaj iliaj ecoj, havantaj nenion komunan nek kun mona prezo, nek kun la komerco, nek sekve kun la taksigo.

La taksigo laŭ ĥemia enhavo konsistas en tio, ke oni, por difini la preson de la sterko, ekzemple, komparas % enhavon en ĝi de la azoto kaj fosforo kontraŭ % enhavo da ili en ĉilia salpetro kaj superfosfaton, havantaj konatajn komercajn prezojn. Per tiuj ĉi aŭ aliaj arbitraj nombroj oni elkalkulas matematike prezon de la sterko. Kial oni alprenas por la kalkulfundamento la koston de la azoto en ĉilia salpetro kaj nek en aero, nek en strasburgaj pasteĉoj, estas, kiel tre vere rimarkas profesoro Au, al neniu konata.

Se la sama metodo estus uzita en malpli dubaj okazoj de la taksigo (en tiuj ĉi okazoj oni ĝin tre prudente tute formetas), ĝia plena malsencaĵo fariĝus tute okulvidebla. Estas kredinda, ekzemple ke la brano kaj tritika faruno de la plej altpreza speco havas apenaŭ saman nutrajan econ kaj ke ilia ĥemia havo estas proksimume simila; ĉu sekvas el tio, ke ni, nutrante brutaron, sole pro nia kaprico, tritika faruno, havus rajton taksigi ĝin laŭ prezo de la brano?

Pensante tiamaniere, ebla estus, nutrante porkojn per la makaronioj, ricevi en librotenadaj elkalkuloj bonan profiton de la porka brutaro kaj malprofiton de la senkulpa makaronia fabriko!

Pro tiaj konsideroj Au ŝatas la taksigojn laŭ ĥemia enhavo kiel plej grandan malkompreniĝon kaj komparas la serĉadon de la prezoj por objektoj ne havantaj ilin kontraŭ senfruktaj penadoj trovi la kvadratiĝon de la rondo aŭ fari « perpetuum mobile. » Au aldonas bonan konsilon ne elpensi tiajn taksigojn, ĉar ili estas tute malbezonaj, kaj difini la kostojn de la nekomercaj produktaĵoj aŭ per la matematika elkalkulo de ilia ricevkosto, aŭ per la supozo, ke ilia prezo estas egala al nulo, t. e. al ilia efika komerca prezo.

La libro de Au — estas postmorta eldono laŭ restintaj post li notoj. Ĉu mortinta profesoro ŝatis sian verkon jam finitan kaj presebla, ne eldonante ĝin dum sia vivo — estas tre duba; nur per tio mi povas klarigi, ke li, neiganta esence ĉiujn falsajn taksigojn de la *agema* kapitalo, konservis tamen por la taksigo de la morta kapitalo (teroj, konstruaĵoj, bruto kaj maŝinoj) ne malpli arbitrajn *taksigojn laŭ % rabatoj,* kaj la *taksigojn laŭ mezaj* komercaj prezoj, daŭre pli aŭ malpli arbitra inter tempo.

La unuan el tiaj metodoj oni uzas difinante la prezojn por la malnovaj objektoj, la kosto de kiaj estis iam precize konata (dum aĉeto aŭ konstruado). La konstruaĵoj, maŝinoj, iloj kaj bruto, daŭre la tempo, perdas pli kaj pli ilian komencan koston kaj fariĝas neuzeblaj. Ni scias, ke lignaj konstruaĵoj servas, meznombre, *ĉirkaŭ* 25 jaroj, trijara ĉevalo povas labori *proksimume* 10 jaroj, k. t. p. Sur tio estas fondita la elkalkulo de iliaj kostoj en kia ajn momento de la tempo — sufiĉas nur ĉiujare depreni el la komenca kosto de la ligna konstruaĵo 4 %, el la kosto de la ĉevalo 10 % k. c. Kiel vi vidas — tio ĉi estas matematike preciza, simpla kaj eĉ facila: elkalkulu unufoje por ĉiam ian nombron kaj deprenu el ĝi ĉiujare certan %, sendubante kaj senŝanceliĝante, laŭ decidita, kiel en apoteko, recepto. Al la teoristoj tiu ĉi elpenso tiel plaĉiĝis, ke ili ĉiuj ĝin varme rekomendas, kaj nur al la mastroj-praktikuloj, demandantaj de ĉiu ago prudentan celon kaj bonan sencon, tia, vere ĥina, ceremonio ŝajnis iom duba. Kian celon ni atingos, demandis ili, se ni deprenados el la kosto de tia aŭ alia konstruaĵo, aŭ movebla havaĵo, difinitan %, se ni, per pena renovigo kaj alaeĉtado, konservas ĝin en la komencpreza stato? Kian utilon mi havos el la *antaŭe* difinita depreno, se miaj maŝinoj, pro malbona observo, duoble pli frue difektiĝas kaj la mastraĵoj detruiĝas kaj putriĝas? Kial, laŭ librotenada elkalkulo, sekvanta precize tian regulon, la kosto de la maljuna ĉevalo, kiu trenadas ĉe ni jam dum 25 jaroj la akvon por la bieno, devenis neiga kvanto, kvankam, mi bone scias, ke mi ŝuldas nenion al ĝi kaj, se ĝi mortos, ricevos ankaŭ ian saman por ĝia pelo?

Faru ni tiajn demandojn tiom da fojoj, kiom ni volas — la respondo de la s-roj teoristoj estos sama: la neceso devigas vin uzi tiajn neprecizajn kaj, esence nomante, — arbitrajn elkalkulojn de la kosto, ĉar aliajn rimedojn ni tute ne havas.

Kondukante tiajn matematikajn elkalkulojn ĝis malsencaĵo, mi proponas al agronomiistoj, kalkulantaj la kvanton da faruno, manĝita daŭre de la jaro per la porkoj, kunkalkuladi ankaŭ tian farunon, kian ili povas

manĝi laŭ la praktiko de la antaŭaj jaroj.

Por taksigi la teron, oni uzas alian ruzon. Vi volas taksigi vian bienon, diras al vi scienculoj — librotenadistoj, kaj vi estas embarasita per tio, ke tio ĉi komercaĵo nur tre malofte aperas sur bazaro (dum iaj jaroj oni tute ne povas aŭdi pri la vendoj de ĝi)? Tia estas via embaraso? Kaj pro tia bagatelo vi intencas formeti italan librotenadon? Sciu do, ke tiun ĉi malhelpaĵon estas tre facila forigi: se vi ne volas aŭdi pri falsaj taksigoj, arbitra elkalkulado de la kapitalo laŭ % profito k. t. p., — ni povas vin lerni taksigadon laŭ komercaj prezoj eĉ tiam, kiam ili tute forestas!

Nenio estas pli simpla: en la pasinta jaro estis venditaj proksime de via bieno du bienoj A kaj B (el kiaj unu konsistas el sablo kaj dua el marĉoj), 4 jaroj antaŭe vi mem vendis dezertan, sed tre bonteran, stepon C, memoru ankaŭ la aĉetojn de la diversecaj bienoj D, E kaj F, aldonu al tiaj vendoj ankaŭ la vendon de la Alasko al la Nordamerikaj Ŝtatoj, se vi volas, kaj vi havos tiom da efektivaj vendoj de la teroj, ke vi povos eĉ multajn el ili formeti. Tion vi faru ankaŭ, forjetante la plej maloportunajn okazojn; el restantaj — kunkalkulu nur tiajn, kiaj fariĝis *en ia ajn difinita* (bona konsilo!), ekzemple, dekjara intertempo: tio ĉi estos pli respektinda kaj memorigos matematikan precizecon. Fine, ĉar alprenitaj per vi ekzemploj povas per la diverseco kaj malkompareblеco kontraŭ via bieno esti tro kriantaj, sumigu ĉiajn ciferojn kune kaj dividu la ricevitan nombron per la nombro de la vendoj. Vi havos tiamaniere — miksaĵon, t. e. — *la taksigon laŭ mezaj komercaj prezoj dum difinita intertempo.*

Kiel ni vidas, la malpripensitaj promenadoj de la ĥemiistoj kaj abstraktaj matematikistoj en la regnon de la librotenado ne estas ĉiam prosperaj.

Frapita per tiaj malsencaĵoj franca profesoro Miguot demandis sin: ĉu estas necesa por la profitkalkulado fari la taksigojn de la morta fundamenta kapitalo, t. e. de la teroj kaj konstruaĵoj? Li respondas al tio[5], ke ilia enskribado en la pofitkalkulon estas tute malbezona, ĉar ĝi povas interesi nur farmiston, a! kiu la elkalkulado de iliaj kostoj estas indiferenta, nek la administranton de la mastraĵo (pro sama kaŭzo), nek, fine, la posedanton de la bieno mem (se li mastrumas persone), ĉar, tutokaze, tiu ĉi lasta ne eluzas siajn terojn ka konstruaĵojn tiom, por ke iliaj kostŝanĝoj povus esti rimarkeblaj dum unu jaro, kian koncernas lia profitkalkulado. Kaj pro supozataj mikroskopiaj kostŝanĝoj ne estas oportune enŝovi en la kalkulojn arbitrajn taksigojn, ĉar ili, nenion klarigante, sole malhelpas tutan aferon.

Kiel ni vidas, Miguot proponas forĵeti el la kalkulado nur la taksigojn de la morta kapitalo (komenc- kaj finjara), sed ne — de la aliaj ĝiaj ŝanĝoj, kiujn li daŭrigas alpreni en kalkuladon, ne forlasante (kiel prof. Au ankaŭ) italan librotenadon kaj ĝiajn rektliniajn regulojn. Procentajn rabatojn el la kosto de la agema kapitalo li ankaŭ ne forlsaas. Sed plia prilaborado de la penso de profesoro Miguot estas facila, kaj pro sia graveco ĝi tute meritas plej larĝan kaj penan prilaboradon.

Kiam celon ni atingas, enkondukante en la profitkalkulojn la kostojn de ĉiuj 4 partoj de la fundamenta kapitalo (t. e. de la tero, konstruaĵoj, maŝinoj kaj bruto)? Ĉu ni ne povas, kalkulante *sole la profitojn,* forigi el la profitkalkulado ĉiujn tiajn havaĵojn, enskribante nur ĝiajn ŝanĝojn, kaj el ili eĉ nur tiajn, kiaj efike agas sur la kalkulojn?

Al la unua demando mi respondis, ke ni atingas nenian celon elpensante falsajn taksigojn, krom okulvidebla ĥaoso kaj ŝajna elkalkulo de la bienkapitala kosto. Sed fina celo de la agronomia profitkalkulado konsistas el la kontrolo de la prudenta gvidado de la agronomiaj entreprenoj kaj tia celo tute ne postulas la elkalkulon de la komenc- kaj finjara kapitalo de la bieno, ĉar ĝia grandeco ne agas senpere sur la profitojn de la apartaj entreprenoj. Tio ĉi ne estas falsa konfirmo, ĉar pli granda kapitalo havas sendube pli grandajn ŝanĝojn, per kiuj sole ĝi povas agi sur la profitojn.

*Limigante do la celon de la agronomia profitkalkulado per sola elkalkulado de profitoj kaj forlasante la neatingeblan samtempe kaj praktike malbezonan al ni celon de la elkalkulo de la tuta biena kapitalo, ni povas kaj devas forigi tutan fundamentan kapitalon*

Estas vera, ke en esencoj de enskriboj de tiu ĉi kapitalo prezentas nur unu sensignifan ceremonion, ĉar ĝia kosto, sekve de ĝia rilata senmoveco, trairas el unu jaro en alian preskaŭ neŝanĝite. Sed ĉar en la kalkuloj ĝiaj

5. Vidu : Mignot. *Traité pratique de Comptabilité agricole*, 1892, p. 21.

falsaj ciferoj staras apud veraj nedubeblaj taksigoj, tute ne distingiĝante per sia ekstera formo, — la enkonduko de konate falsaj taksigoj faras la praktikulojn nekonfidemaj kontraŭ profitkalkulado. Kiu scias, diras ili, kian « sciencan » malsencaĵon oni povas tie trovi! Tiuj ĉi paroloj estas tute prudentaj — kian praktikan econ havas unu kalkulo, en kia oni tute ne vidas, kie finiĝas vero kaj komencas la malsenco? Forjeti do la taksigojn de la fundamenta kapitalo el la kalkulado devigas nin ne sole ilia senutileco, sed ankaŭ la vera neutilo, kion ili kaŭzas al la kredindeco de la kalkuloj.

Dum la kalkulado la kosto de la fundamenta kapitalo povas esti anstataŭata (se tio ĉi estos bezona) per *la enskribo de ĝiaj jaraj kostŝanĝoj.* (6)

Tial mi alprenas en la kalkuladon sole la ŝanĝojn de la fundamenta kapitalo.

Sed kiel ilin taksigi? Ĝis nun oni taksis ilin ankaŭ per falsaj taksigoj, — mi tute ne permesas ian falsaĵon en mia kalkulado. Kion do fari? Unuavide la afero ŝajnas nesolvebla: forigi el la kalkulado enskribojn de ĉiuj ŝanĝoj de la fundamenta kapitalo estas neebla, ĉar multaj el ili agas efike sur la profitojn de la apartaj entreprenoj kaj alklkulante ilin ni devas ankaŭ, laŭ ekzistantaj librotenadaj kutimoj, enkonduki la falsajn taksigojn kiajn mi tute formetis.

Sed la nesolvebleco de la enigmo estas nur ŝajna, estante fondita sur la erara konfirmo, ke *ĉiuj* ŝanĝoj de la fundamenta kapitalo estas taksigeblaj neniam, nenie kaj per neniu.

Tiu ĉi konfirmo estas tute falsa.

Estas sendube vera, ke ne ekzistas ia « librotenadista majstro », kiu povus taksigi laŭ efikaj komercaj prezoj ĉiujn mastraĵajn havaĵojn de la tuta terglobo, aŭ sole de la sia lando mem. Por tia taksigo neniu havas sufiĉajn sciojn.

*Sed en ia ajn aparta bieno la efika taksigo de la ĉiuj, esence necesaj por la profitkalkulado, ŝanĝoj de la havaĵo tute ne povas embarasi ĝian mastron, ĉar aliaokaze li tute ne povas mastrumi.*

Alivorte — nur la mastro de la bieno kaj neniu alia, povas fari efikan, nefantazian elkalkuladon de siaj profitoj.

Mi klarigas tiun ĉi konfirmon per la sekvanta skizo: estas bezona, ekzemple, taksigi ian premiitan kurĉevalon de la konata ĉevalejo. Invititaj por la taksigo du lokaj vilaĝanoj, rigardinte ĝiajn dentojn kaj tuŝinte ĝiajn muskolojn kaj foston, eldiros, proksimume, tion: « Dio scias veran prizon de tiu ĉi ĉevalo, sed, laŭ nia vilaĝana kompreno, — baptano Demetrio vendis dum lasta bazaro lian ĉevalidon por 420 fr. — ĝi estis pli forta por nia laboro. » Sammaniere, sed ne per samaj vortoj, respondos ankaŭ ĉiu alia mastroj, fremda al kurĉevaloj, servantaj kiel *komercaĵo* nur al la *aparta branĉo de la komerco.* Tute alie taksigos la specialisto de tiu ĉi afero: urba ĉevalvendisto aŭ aferema ĉevaleja mastro ne estos embarasitaj per la taksigo de kia ajn praktika precizeco.

Same la efika taksigo de la arbaro estos neebla por la mastro de unu bieno, havanta nenian arbaron, por la vilaĝano, scianta nur la prezojn de la branĉaĵo kaj de la timonoj, por la posedanto de la arbaroj, kiu ne mastrumas persone kaj vendas ilin po hektaroj al la komercistoj, sed ĝi embarasigos nek najbaran regnan arbariston, al kiu la taksado

6. Tio-ĉi povas esti klarigota per la sekvantan svizo.

Plena jara raporto pri la ŝanĝoj de la fundamenta kapitalo post la taksigo havas sekvantan vidaĵon :

| Enspezoj | | Elspezoj | |
|---|---|---|---|
| La kosto de la komencjara fundamenta kapitalo.. | 10000 fr. | | |
| La sumo de la jaraj enspezoj . | 500 » | Elspezoj dum la jaro . . . . | 300 fr. |
| | | La kosto de la fundamenta kapitalo en la fino de la jaro . . | 10200 » |
| Bilanco. | 10500 fr. | Bilanco. | 10500 fr. |

Tiu ĉi raporto estas egalsignifa al aritmetika egalaĵo :

$$10000 + 500 = 300 + 10200$$

Dekalkulinte el ambaŭ partoj po 10000, ni havas :

$$500 = 300 + (10200 - 10000),$$

kio konformas al la mallongita raporto :

| Enspezoj | | Elspezoj | |
|---|---|---|---|
| Dum la jaro. | 500 fr. | Dum la jaro. | 300 fr. |
| | | *Pligrandigo* de la kapitalo dum la jaro. . . . . | 200 » |
| Bilanco . . | 500 fr. | Bilanco . . | 500 fr. |

estas kutima laboro, nek la posedanton de unu arbara bieno, kiu mastrumas mem kaj en kiu mastraĵo la arbaroj ne estas farma, sed vera agronomia entrepreno.

En apartaj okazoj de la taksigo povas doni bonan konsilon al la mastro specialistoj, similaj al suprenomita arbaristo; ili povas lin anstataŭi eĉ dum tiaj taksadoj, sed ekzistas neniaj specialistoj, kiuj povas anstataŭi la mastron dum la taksado de ĉiuj partoj de lia mastraĵo. Tia universala taksigisto de sia mastraĵo *povas kaj devas esti* la mastro de la bieno, se li ne volas aliokaze fariĝi bankroto.

Tio ĉi estas senduba, kiam la taksado koncernas *ĉefajn* mastraĵajn entreprenojn. Sed senduba estas ankaŭ, ke por la ellerno kaj scio de la ĉiuj *bagatelaj* entreprenoj, eĉ de la sia propra mastraĵo, ne sufiĉos homaj fortoj de kia ajn mastro. Ne ekzistas pli diversflanka agado ol agronomia, kaj certe ĉiu, eĉ plej aferema, mastro trovos en sia bieno tiajn detalojn, kiaj estas por li « terra incognita » kaj en kiaj li estos embarasita por la taksigo Ekzistas do la demando: kion fari en tiaj malfacilaj okazoj.

La respondo estas simpla: inviti ian specialiston, se la taksigo estas grava, pagante al li la panmonon pro sia nescio de la afero aŭ kontentiĝi per la nepreciza taksigo, per la konscia eljeto de ĝi el la kalkuloj eĉ, en kontraŭa okazo. Lasta eljeto estas ebla: taksigoj, pro kiaj la mastro mem de la bieno ne interesiĝas, al kiaj li volas eĉ neniajn sciantajn homojn inviti, estas, sendube, negravaj, por lia mastraĵo kaj povas havi nenian ŝatindan influon sur ĝiajn profitojn.

Tiaj malfacilaj, sed facile forigeblaj, taksigoj ne estas ĉiam malgrandaj. Ekzistas grandaj ŝanĝoj de la havaĵo, kies taksigo estus tre embarasanta, se *ĝi estus necesa.* Bruliĝis unu konstruaĵo, — domo de la posedanto, ekzemple, — kiel oni povas taksigi tiun ĉi malprofiton? En tiu ĉi okazo neeble eĉ estas inviti ian taksigiston, ĉar post la brulo li povas taksigi nur la restaĵon (karbon kaj cindron) kaj antaŭ la brulo ni lin ne invitadis, konsentinte kun profesoro Miguot, ke la taksigo de la konstruaĵoj ne estas bezona por la profitkalkulado. Sed nun ni demandu: kian sencon havas la profitkalkulada enskribo de la kosto de tiu ĉi brulinta domo? Nenia aparta entrepreno postulis tian brulon, ĝin ne estis bezona al la tuta mastraĵo ankaŭ. La elkalkulo de la tia *okaza* malprofito kaj ĝia enskribo inter la *okazaj malprofitoj* ne estas neforigeble necesa, havante solan signifon de la riproĉo de la mastro al si mem pro sia malzorgeco. Pro tia celo ne estas ankoraŭ bezona sin trudi per simila taksigo.

Teorie mi ne povas imagi nun ŝanĝon de la havaĵo, netaksigeblan laŭ komercaj prezoj sen — aŭ, en iaj okazoj, kun la helpo de unu specialisto. Praktike tamen, antaŭ ol komenci malfacilan taksigon, ni devas ĉiufoje demandi nin: ĉu estas ia celo kaj senco en la enskribo de tiu ĉi ŝanĝo en la profitkalkuladon? Ĉu neebla estas ĝin tute formeti, konscie kontentiĝante per neplena profitkalkulo de tia entrepreno, sur kian ĝi agas? Tiamaniere la mastro de la bieno, kie la brutaro ne estas grava parto, povas formeti el la kalkuloj malgrandiĝon de ĝia kosto sekve de la pasinta malsano aŭ okaza malbona nutrigado. Eble estas, ke en unu alia bieno, kie pri la bruto oni havas plian zorgon kaj kie oni ĝin pesadas post certaj intertempoj, la samaj ŝanĝoj povas kaj devas esti alkalkulitaj.

Neigante ordonitajn receptojn kaj rekomendante liberan agadon en ĉiuj apartaj okazoj, mi tute ne enkondukas per tio arbitran volon de la mastro, ĉar elekton de la formetataj taksigoj devas montri sole la bezonoj de la mastraĵo kaj neniam la fantazio de la taksigisto.

## Capitro *III.*

### *Praktiko de la taksigado.*

Ankaŭ dum la laboro mem de la taksigado la mastro estas neniel arbitra — liaj agoj estas precize fundamentitaj per la logiko kaj similas al la fantazio nur tiom, kiom astronomiaj elkalkuloj povas simili al la antaŭdiroj de unu sorĉisto.

Tia flanko de la taksigado, tuŝita ankoraŭ per nenio el konataj per ni aŭtoroj, donas apartan lernon al proponata per ni kalkulado.

Kian ajn havaĵon ni taksigas, skizo de plena raporto pri ĝiaj ŝanĝoj estas tia:

| Enspezoj | | Elspezoj | |
|---|---|---|---|
| *Resto* de la havajo *komencjara* | 10 kil. | | |
| *Diversaj agr.entreprenoj* (detale) donis | 1000 kil. | *Diversaj agr.entreprenoj* (detale) postulis...... | 700 kil. |
| *Halpantaj kalkuloj* (mona kaj ŝulda) aĉetis...... | 500 kil. | *Helpantaj kalkuloj* (mona kaj ŝoldaj) vendis... | 200 kil. |
| | | *Resto* dr la havajo *finjara*.... | 610 kil. |
| Bilanco. | 1510 kil. | Bilanco. | 1510 kil. |

En tiu ĉi raporto anstataŭ la nomo « kilogramoj » mi rajtigas leganton pensi kian ajn mezuron, ĉar ĝi estos por la sekvontaj konsideroj egale indiferenta. Pro tio same mi nomigas la havajon de la raporto per la « aveno », komprenante sub tiu ĉi nomo kian ajn alian havajon.[7]

Komencante la taksigon, antaŭ ĉio estas necesa trovi la ekzemplojn de la efikaj komercaj vendoj por la komparo kontraŭ imagataj vendoj. Tiaj komercaj vendoj estas skriibtaj « schwarz auf weiss » (per la nigro sur blanko), kiel diras germanoj, en la sama taksata raporto. Rigardante ĝiajn en- kaj elspezojn helpantkalkulojn, ni vidas, ke ili prezentas enskribojn de la vendoj kaj aĉetoj, faritaj en la mastrajo mem, per ĝia mastro kaj precize dum kalkulata jaro. Estas do sendube necesa alpreni ilin en kalkuladon, kion ni ankaŭ faras; nome: trovinte (*en mona kaj ŝulda rapartoj*), ke 500 kil. estas aĉetitaj pro 250 fr. kaj 200 kil. — venditaj por 120 fr. ni enskribas tiujn ĉi ciferojn en la taksatan raporton, kio alprenas tiam tion ĉi vidajon:

| Enspezoj | kil. | takso | Elspezoj | kil. | takso |
|---|---|---|---|---|---|
| *Resto* de la havajo *komencjara*.............. | 10 | | | | |
| *Diversaj agr. entreprenoj* (detale) donis ....... | 1000 | | *Diversaj agr. entreprenoj* (detale) postulis....... | 700 | |
| *Helpantaj kalhuloj* (mona kaj ŝulda) aĉetis...... | 500 | 250 | *Helpantaj kalkuloj* (mona kaj ŝolda) vendis ..... | 200 | 120 |
| | | | *Resto* de la havajo *finjara*. | 610 | |
| Bilanco ....... | 1510 | | Bilanco ....... | 1510 | |

Se la mastro faras ĉiujare regulan profitkalkuladon, li povas vidi en sia antaŭjara profitkalkulada kajero, ke li mem, en la fino de la antaŭa jaro, ŝatis la reston de la 10 kil. de la aveno taksitan vere per 6 fr. Tiun ĉi ciferon, kiel dokumentan, ni enskribas en la raporton. Se la antaŭjara reporto ne ekzistus, aŭ se ĝi, okaze, estas nekredinda, ni devas nevole fari rektan taksigon de tiuj ĉi 10 kil., restarigante per memoro kaj libroj enskriboj tiam ekzistantajn komercajn prezojn.

La raporto alprenas unu tiun ĉi vidajon:

7. Mi konservis tie-ĉi la ciferojn de mia rusa libro neŝanĝitajn, anstataŭante sole rusajn nomigojn per frankoj kaj kilogramoj. Mi petas do unu alilandan leganton ne tro miri pro prezoj de la « Aveno ».

| Enspezoj | kil. | takso | Elspezoj | kil. | takso |
|---|---|---|---|---|---|
| *Resto* de la havaĵo *komencjara* . . . . . . . . . . . . . . | 10 | 6 | | | |
| *Diversaj agr. entreprenoj* (detale) donis . . . . . . . . | 1000 | | *Diversaj agr. entreprenoj* (detale) postulis. . . . . . . | 700 | |
| *Helpantaj kalkuloj* (mona kaj ŝulda) aĉetis. . . . . . | 500 | 250 | *Helpantal kalkuloj* (mona kaj ŝulda) vendis. . . . . . | 200 | 120 |
| | | | *Resto* de la havaĵo *finjara*. | 610 | |
| Bilanco . . . . . . . | 1510 | | Bilanco . . . . . . . | 1510 | |

Nun estas netaksitaj 4 ciferoj: 1,000 kil., 700 kil., 610 kil. kaj 1,510. Lasta cifero, t. e. bilanco, tute ne postulas « taksigon », ĉar, unue, ĝi estas malbezona por la profitkalkulado, kaj, due, ĝia kosto povas esti ĉiam aritmetike elkalkulita (post la fino de la taksigo) de la aliaj ciferoj. Estas necese taksigi nur en- kaj elspezojn de agronomiaj entreprenoj kaj finjaran reston; aperas demando: kian ciferon el tiuj ĉi vi devas pli frue taksigi?

Ju pli estas proksima al ni la tempo de la imagata komerca vendo, des pli facila estas elekto de la similaj (laŭ ecoj de la komercaĵo kaj aliaj kondiĉoj) efektivaj vendoj de la taksigata materialo. Sekve estas la plej facila, kaj devas esti la plej preciza, taksigo de 610 kil. de la « avenresto » en la momento mem de la taksigo, t. e. de la resto finjara. Konsiderante tion, ni taksigos unue tiujn ĉi 610 kil. Ilia taksigo estas tiel simpla, ke, sen iaj konsideroj, ĝi povus esti farita per sperta vojo — per rekta propono de la resto da materialo al komercistoj, kion ni ankaŭ preskaŭ ĉiam faras dum la taksigo de la plej gravaj mastraĵaj komercaĵoj. Fantazio tie ĉi, kiel ni vidas, tute forestas kaj nia agado similas al la efektiva mezurado de la nuntemprestaĵa kosto per la mona mezuro. Supozante, ke komercistoj donas al ni aŭ, pro kredindaj konsideroj, povas tuj doni 70 centimojn po kil., ni taksigas 610 kil. per 427 fr. kaj enskribas tiun ĉi ciferon, kiel kredinde precizan en nian raporton.

La skizo alprenas tiam sekvantan vidaĵon:

| Enspezoj | kil. | takso | Elspezoj | kil. | takso |
|---|---|---|---|---|---|
| *Resto* de la havaĵo *komencjara* . . . . . . . . . . . . . . | 10 | 6 | | | |
| *Diversaj agr. entreprenoj* (detale) donis . . . . . . . . | 1000 | | *Diversaj agr. entreprenaj* (detale) postulis . . . . . . | 700 | |
| *Helpantaj kalkuloj* (mona kaj ŝuldo) aĉetis. . . . . . | 500 | 250 | *Helpantaj kalkuloj* (mona kaj ŝulda) vendis . . . . . | 200 | 120 |
| | | | *Resto* de la havaĵo *finjara*. | 610 | 427 |
| Bilanco . . . . . . . | 1510 | | Bilanco . . . . . . . | 1510 | |

Restas nun netaksitaj 1,000 kil. de la enspezoj kaj 700 kil. de la enspezoj de la agronomiaj entreprenoj. Senduba estas, ke samtempa duobla taksigo de la en- kaj elspezoj tute ne estas necesa: sufiĉus taksigi unu el tiuj ĉi ciferoj por ricevi (per aritmetika elkalkulado kun la helpo de la bilanco) la koston de la aia. Aritmetike estas tute egala per kia cifero ni komencas taksigon, sed al la profitkalkulisto la komenco de la taksigo per

700 kil. aŭ per 1,000 kil. ne estas indiferenta: li scias, ke dum la taksigado li povas erari je kelka parto de la prezo; kia ajn malgranda ĝi estus — pligrandigita 1,000-foje ĝi difektigos la kalkulon plie ol pligrandigita 700-foje. Tia cirkonstanco devigas nin komenci taksigon per la pli malgranda cifero — 700 kil., ne forgesante la eblecon komenci ankaŭ per la pli granda, t. e. per 1,000.

La ebleco de la samtempa duobla taksigo de en- kaj elspezoj de agronomiaj entreprenoj havas tre grandan praktikan gravecon, donante al la mastro firman kredon pri precizeco de liaj elkalkuloj kaj formas, tiel nomitan per mi, *memkontrolon* de la taksigisto.

La memkontrolo tre similas al la kontrolo de la enskriboj per la bilanco, estas simpla sekvo de ĝi kaj konsistas en la kamparo de la pligrandcifra kosto, elkalkulita aritmetike (el la takso de pli malgranda), kontraŭ ĝia senpera « taksigo », farita tute sendepende de la antaŭa. Dum tiuj ĉi du taksadoj la mastro fondas siajn kalkulojn sur tute diversaj konsideroj kaj komercaj vendoj, pro kio la simileco de la prezoj, ricevitaj per du malsamaj vojoj, estas vera montrilo de ilia plena kredindeco kaj precizeco.

Kiel bona ekzemplo de la malsameco de la moneraj vendoj, necesaj por la taksigo de la en- kaj elspezoj, povas servi labora raporto, en kiu la enspezoj de la laboraj tagoj taksiĝas laŭ prezoj de la taglaboristoj kaj elkalkulataj aritmetike elspezajn kostojn de la faritaj laboroj povas esti komparataj kontraŭ dungaj senperaj prezoj por la samaj laboroj.

Nevolaj eraroj de la taksigisto dependas ne sole de la simpla forgeso pri diversaj kondiĉoj de la komercaj vendoj, sed tre ofte ankaŭ sekvas el la aparta amo de la mastro al tiaj entreprenoj, kiajn li instinkte favoras en sia bieno, malhelpante al la aliaj. Tiu ĉi stranga kaŭzo, malgraŭ ĝia infana malsencaĵo, estas renkontata en la praktiko pli ofte, ol oni povus pensi por grandaĵaj homoj. La memkontrolo faras tie ĉi bonegan servon, dank' al tio, ke la antaŭjuĝaj ideoj dum la taksigo de la en- kaj elspezoj agas en malsama senco. Pro tio la takseraroj ŝajnas en tiuj ĉi okazoj pligrandigitaj per la memkontrolo duoble.

Oni ne povas vidi la agon de la memkontrolo sur unu morta skiza ekzemplo tiel klare kiel ĝi estas vidata dum unu efektiva taksigado, sed mi provas montri ĝin ankaŭ tie ĉi. Lasu do nin fari dum la taksado, kaprizokaze, du erarojn: 1) komenci la taksigon per la pligranda cifero de havaĵŝanĝo kaj 2) taksigi (tute arbitre) tiujn ĉi 1,000 kil. de la enspezo per la plej malgranda prezo, kiun ni aŭdis dum la jaro, ekzemple per 50 centim. pro kil. Farinte tion kaj enskribinte en la raporton 500 fr, de la enspezo, ni trovas la koston de 700 kil. de la elspezo:

$$6+500+250+-120-427=209 \text{ fr.},$$

pro kio la prezo de unu kil. de la elspezoj egaliĝas al *XXX* fr., aŭ estas pli malgranda ol 30 cent. Ni ricevis, videble, malsencan rezultaton, ĉar pli suban ol 50-centiman prezon ni, supozite, ne havis. Sama malsenco estos ricevata, se ni volus taksigi 1,000 kil. per la plej alta dumjara prezo, ekzemple per 1 fr. La kosto de la unu kil. en la elspezoj estos tiam egala al 1 fr. 1 2/7 cent., kio estas same neebla.

Tiu ĉi ekzemplo estas intence elpensita, ĉar neniu taksigos 1,000 kil. nek po 50 cent., nek po 1 fr., kiam li scias, ke li mem taksis jam 610 kil., restantajn el ili, po 70 cent. pro kil. Sed ankaŭ en pli malgravaj okazoj la memkontrolo montras akurate ĉiujn erarojn de la taksiganto .

Antaŭ ol ni donos la ekzemplon de unu el tiaj kutimaj eraroj, mi rimarkigas, ke, kvankam nia « avena » raporto teorie enhavas tute unuspecan materialon, tamen oni faras en la praktiko ofte alie, kune enskribante en unu raporton la « avenon » de la 1-a, 2-a kaj 3-a specoj, esence malsamaj laŭ iliaj ecoj kaj prezoj. Ni supozu ankaŭ tian plej malsimplan okazon en nia skizo. La mastro, kontentiĝanta per tiela raporto, tre bone scias, kutime, kiaj entreprenoj de lia mastraĵo konsumis la materialon de la tia aŭ alia eco. Konsentu ni ke 700 kil. de la enspezo enhavas: 100 kil. de la 1-a speco, uzitajn por la semado, kiuj kostas po 75 cent. pro kil., 500 kil. de la aveno, aĉetita por 250 fr. kaj tute konsumita en la mastraĵo kaj 100 kil. de la 3-a speco, elspezita al la mastraĵo de la tuta elspezo difiniĝas tiam per:

$$75+250+50=375 \text{ fr.},$$

sekve la kosto de 1,000 kil. de la enspezo estas egala al:

$$375+120+427-256=666 \text{ fr.}$$

Nun kontrolu ni tiun ĉi elkalkulitan koston per la rekta taksigo de la 1,000-a enspezo. En unu skizo malfacile estas montri la malsamecon de la komercaj vendoj, servantaj por tiu ĉi nova taksigo, pro tio mi alprenas la samajn prezojn, kiaj estis en antaŭa taksigo. Tamen, memoriĝante ke 1,000 kil. de la rikolto devas enhavi avenon:

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| de la 1-a spaco (elsemitan | 100 kil. | × | 75 sant. | = | 75 fr. |
| de la 2-a speco (venditan) | 200 kil. | × | 60 sant. | = | 120 fr. |
| de la 3-a spaco (konsumitan) | 100 kil. | × | 50 sant. | × | 50 fr. |
| kaj la reston finjaran | 610 kil. | × | 70 sant. | = | 427 fr. |
| Sume | 1010 kil. | | — | | 672 fr. |

ni rimarkas ke en la taksigo estas io nevera; nome ni vidas, ke dum la taksigo ni forgesis pri la komencjara resto de la aveno (10 kil.)

Ĉu elkalkulita kosto 666 fr. estas vera kosto de la rikolto aŭ ne — dependas de la efektiva konsumo de tia restaĵo. Konjektu vi, ke tiuj ĉi 10 kil. ne estis konsumitaj kaj plene eniris en la finjaran reston, t. e. en la 610 kil., taksigitaj po 70 sant.; tiam la kosto de la rikolto estas videble malvera: deprenante el la antaŭa tabelo 10 kil kaj ilian koston 7 fr., ni trovos, ke 1000 kil. de la rikolto kostas nur 665 fr., kaj 1 fr. estas donita al mastraĵo neniel per avensemado, sed per ia alia entrepreno (en tiu ĉi okazo per numera konservado de la « aveno » por estonta vendo.)

Memoru ni, ke ni parolas pri tia « aveno », kia povas fariĝi ĉiu alia havaĵo, sekve la neagronomia eco de la ekzemplo ne devas nin fari dubemaj. En la mastraĵoj oni povas trovi ankaŭ tiujn ĉi okazojn precize, sed aŭ iliaj kostoj estas tre malgrandaj kaj tiam ili ne estante gravaj povas esti alkalkulataj (laŭ konsideroj de la mastro) al okazaj spezoj aŭ « komunaj spezoj de la bieno », aŭ efike grandaj, sed tiam la konservado de la komercaĵo havas ĉiajn ecojn de la komerca entrepreno kaj devas esti rigardata kiel aparta mastraĵa entrepreno.

Tiamaniere ni ricevas sekvantan finitan taksigon de la nia raporto.

| **Enspezoj** | **kil.** | **takso** | **Elspezoj** | **kil.** | **takso** |
|---|---|---|---|---|---|
| *Resto* de la havaĵo *komencjara* . . . . . . . . . . . . . . | 10 | 6 | | | |
| *Diversaj agr. entreprenoj* (detale) donis . . . . . . . . | 1000 | 666(*) | *Diversaj agr. entreprenoj* (detale) postulis . . . . . . | 700 | 375 |
| *Helpantaj kalkuloj* (mona kaj ŝulda) aĉetis . . . . . . | 500 | 250 | *Helpantaj kalkuloj* (mona kaj ŝulda) vendis . . . . . | 200 | 120 |
| | | | *Resto* de la havaĵo *finjara*. | 610 | 427 |
| Bilanco . . . . . . . | 1510 | 922 | Bilanco . . . . . . . | 1510 | 922 |

Mi devis skribi tian skizan ekzemplon sur kelkaj paĝoj sole por klarigi la teorian flankon de la taksigado. Praktike la ĉefa laboro de la taksigado konsistas neniel en la taksigado mem, kia estas tre facila, sed en pena samigado de la faritaj taksigoj en la materiala raporto, enhavanta plej diverspecajn kaj multnombrajn agronomiajn havaĵojn. La laboro de tiu ĉi samigado devas esti tre precize kaj sisteme farata, ĉar nevolaj eraroj estas en tiu ĉi cifera maro nur tre malfacile trovitaj. Mi me mnecesiĝis iam por tiu ĉi laboro 2—3 semajnojn da pena laboro, sed nun venkas ĝin facile en 2—3 tagoj. Lastan rezultaton mi akiris sole per akurata samigado de ĉiu raporta paĝo aparte de la altaj, kaj per la komenco de la sekvanta nur tiam, kiam mi jam klare certiĝis[9] pri la precizeco de la antaŭpaĝa laboro.

8. En aliaj 665 fr. donis la semado kaj 1 fr. la konservado de la aveno.

9. Per la konata bilanco : samo de restoj komencjaraj ĉiuj enspezoj de la paĝo = al ĉiuj elspezoj + sumo da finjaraj restoj.

Nun restas diri kelkajn vortojn pri la esenco de mia profitkalkulada metodo. Ĝi estas natura (uzita kaj uzata per ĉiuj mastroj, en ĉiuj landoj kaj en ĉiuj tempoj) komparado de enkaj elspezoj, sisteme teoriigita kaj, precizigita per mi. Havante neniajn specialajn nomigojn, neniajn artajn supozojn, ĝi estas klara kaj komprenebla por ĉiuj, eĉ por vidantaj ĝin unuafoje en ilia vivo.

Mi bedaŭras ke la amplekso de la esperanta eldono kaj vera malfacilaĵo elpensi bonan ekzemplon de la profitkalkulo, taŭgan por alilandaj legantoj, malpermesas al mi ĝian aldonon.

Mi finas nun mian laboron, dezirante al ĝi trovi pli da pensemaj legantoj en la Esperantolando, ol en nia patrujo disŝirata nun per ĉiuj terurajoj de la revolucio kaj ribelo.

A. NIPPA.

# ANALIZOJ, NOTOJ, INFORMOJ

## Englutigo de kotono por faciligi la elpeladon de englutitaj objektoj.

Alvokite al dekok-monata infano, kiu estis englutinta oran broĉon, S-ro Blaise Bell havis ideon : li englutigis de la malsanuleto amaseton da sorbema kotono (vato), parte en lakto, parte en ŝinka bulko el konfitaĵo. Post kelkaj horoj, li trinkigis ricinoleon. Oni trovis la broĉon en la sterkaĵo, tiel bone envolvitan en la vato, ke certe ia vundo de la intesto ne povis okazi.

Tiu sukceso decidigis la aŭtoron, kiu simile kondutis kun alia kvar-jara knabeto, kiu estis englutinta grandan kupran butonon. La fremda korpo estis elpelata tute envolvita de vato, same kiel ĉe la antaŭa okazo.

La engluto de vato ŝajne helpas al la elpelo el la intesto de la fremdaj korpoj, ne nur ĉirkaŭvestante ilin, sed ankaŭ elvokante la amasiĝon de sterkaĵo ĉirkaŭ ili.

Tute freŝe, la aŭtoro eksciis, ke Dublina kuracisto, S-ro Johnston, jam englutigis vaton de knabeto englutinta metalan dentaparaton.

*tradukis* D-ro VALLIENNE

---

## Kuracado de bronko-pneumonio ĉe infanoj per oksigenaj enspiroj.

P-ro Weill de kelka tempo alprenis la oksigenajn enspirojn, kiel sisteman kuracadon de la bronko-pneŭmonio de infanoj.

La dozo ŝanĝiĝas inter 30 kaj 100 litroj dum 24 horoj ; ĝi povas sen malbonaĵoj esti altigata ĝis 150 kaj eĉ ĝis 200 litroj.

Enspiraj seancoj okazas post ĉirkaŭ ĉiu dua horo ; oni donas ĉirkaŭ 10 litrojn en ĉiu seanco. Tiuj ĉi estas ordinare pli oftaj tage ol nokte. Tamen se la infano interseance suferas sufokiĝan krizon aŭ bluiĝon, tiam estas bone plioftigi la seancojn.

Oni spirigas l'infanon per tuba peco metita inter la lipoj de la infano, kio necesigas iom grandan atentadon. Kiam oksigeno penetras la bronkojn, la diversaj fenomenoj prezentataj de la malsanuleto malfortiĝas, almenaŭ por kelka tempo.

Post la enspirado, ordinare okazas malapero aŭ iometa pliboniĝo de parto el la simptomoj. La cianozo, la malviglеco malgrandiĝas. La spiroj fariĝas malpli oftaj kaj la pulso pliboniĝas. En kelkaj okazoj aperas trankvila dormado.

La plibonigo ŝajnas des pli granda, ke la dispneo kaj la takikardio estis pli fortaj.

La favora efiko de tiuj oksigenaj enspiradoj ordinare ne estas longedaŭra. Tamen la ĝenerala evoluado de la malsano povas esti bone ŝanĝata. La inklino je multobligo de pulmaj malsana-punktoj simile ŝajnas malpligrandigata.

*tradukis* F. A.

---

*Le Gérant* : CH. SCHIFFER.

Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède, Paris
L'UN DES ADMINISTRATEURS : P. FRUCTIER